8-a jaro — N-ro 1-2 (83-84) Jan.-Feb. 1922.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro:
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1922

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) fr. 5.—
Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» fr. 10.—
Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) fr. 25.—
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) fr. 50.—

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, urbestro, Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
O. ORBAN, Profesoro de la Universitato, Liége.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# " BELGA ESPERANTISTO "

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Internaj kovrilpaĝoj: samaj prezoj + 50 %.
Dorsa kovrilpaĝo : samaj prezoj + 150 %.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

### MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

### DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpena Grupo Esperantista: S-roj
» La Verda Stelo, S-roj
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
Berchem: Berchema Grupo Esperantista, S-ro
Beyne-Heusay: Antaŭen, S-roj Jules Albert, Jean Scuvée.
Boom: Booma Grupo Esperantista, S-ro J. Clerbaut, 29, Groenhofstraat
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge. F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Bruxelles: Brusela Federacio Esperantista, S-ro F. Mathieux, 15, Av. Bel - Air, Uccle, kaj H. Haine, 23, rue du Marais, Ruysbroeck.
Charleroi: Karloreĝa Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, rue Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent. C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge — Meirelbeke.
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Huy: Esperantista Grupo, H. Thiry.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro P. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Moresnet-Belge: La Fidelaj Amikoj de Zamenhof, S-ro P. Schmetz.
Namur: Namura Stelo, S-ro Verbeken.
St. Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F-ino M. Jennen, 72, rue d'Albanie.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.

# Esperantistoj !




# Portu

# Ĉiam




# La Verdan Stelon !

8a Jaro Jan. Feb. 1922 1-2 No (83-84)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto : FRANS SCHOOFS 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen | Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Pri nia organo : Ni Konstruu !

LETERO DE LA PREZIDANTO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA AL LA GRUPAJ PREZIDANTOJ.

Certe, «Belga Esperantisto» estas lerte redaktita kaj zorge presita, tamen ĝi ne tute kontentigas min, tial ke ĝi ne aperas ĉiumonate.

Mi nepre deziras — kaj tio estas ankaŭ la deziro de la aliaj Ligestraranoj kaj de la Redakta Komitato —, ke ĉiumonate aperu almenaŭ 32 paĝa kajero. Sed por tion fari sen plialtigi la abonprezon, ni ne havas sufiĉe da abonantoj, konsekvence ne sufiĉe da mono.

Eble vi opinias, ke ni povas eldoni ĉiumonate 16 paĝojn, sed eĉ por tio la mono mankas; plie la laboro por 16 paĝa kajero estus proporcie tro grava por tiu rezultato, cetere la aspekto de tia kajero estus sensignifa.

La solvo ne kuŝas en la **energiaj decidoj de kelkaj** samideanoj, sed en **kunlaboro kaj helpo de ĉiuj**. Por atingi la celon, ĉiu grupo devus havigi al la gazeto almenaŭ unu paĝon da anoncoj, kaj la nuna nombro da abonantoj devus esti duobligita.

Mi do petas vin, klarigu al la membroj de via grupo la malfacilaĵojn de la tasko de la personoj, kiuj prenis sur sin la direktadon de la gazeto, montru la necesecon de ĉiumonata revuo, kaj insistu por ke ĉiu nuna abonanto varbu almenaŭ unu novan.

Bonvolu ankaŭ senprokraste komuniki la liston de viaj abonantoj al S-ro Schoofs, kiu urĝe bezonas ĝin por fiksi la nombron da ekzempleroj de la unua numero de tiu ĉi jaro.

Dezirante igi nian ĵurnalon kaj agadon de la Ligo kiel eble plej perfektaj, ni malfermas en nia revuo specialan rubrikon «Libera Parolejo», kie ĉiu povos klarigi per subskribitaj artikoloj siajn ideojn pri eblaj ŝanĝoj aŭ plibonigoj farotaj en la Revuo kaj en la Liga agado; tamen, rimarku, ke ĉiu reformemulo devas, kritikante ian detalon, bone klarigi sian deziron, kaj samtempe montri la praktikan rimedon por realigi ĝin.

Konvinkita pri via sindonemeco al nia komuna idealo, mi ne dubas, ke vi klopodos por atingi la plej brilan rezultaton.

La Prezidanto de la B. L. E.,

Februaro 1922a. A. J. WITTERYCK.

# Por la Monumento Zamenhof

Laŭ du listoj de la monkolekto, publikigitaj en B. E. ni ricevis entute Fr. 143.—. Ni atendis, kaj ankoraŭ nun atendas donacojn, kiuj devigos nin kunmeti kaj aperigi nian trian liston. Kiam ni komencis tiun monkolekton, ni certe pensis, ke ĉiu belga Esperantisto TUJ estus sendonta sian eĉ plej malgrandan donacon, por kunhelpi al la materialigo de la dankemeco al kaj de la memorigo de la viro, kiu oferis sian tutan vivon por donaci al la mondo tian grandiozan donacon: la internacian lingvon «Esperanto»!

Nu! Belgaj Esperantistoj! Faru vian devon!

(Donacojn sendu al FR. SCHOOFS, poŝtĉekkonto 284.20, Antverpeno.)

# Blindula vivo

« La sola vera helpo al blinduloj estas helpi ilin helpi sin mem; blindulo nenion tiom ŝatas kiom sendependecon. »

Sir ARTHUR PEARSON, † 1921.

**KAREL EMANUEL MACAN,**

**Pedagogia direktoro de Blinduledukejo Klar (Praha), unu el la unuaj pioniroj por Esperanto inter la blinduloj, inicianto de la unua internacia kongreso de blindaj Esperantistoj.**

Karel Emanuel Macan naskiĝis la 25-an de Decembro 1858 en Bohema urbo Pardubice, kie lia patro, eminenta fervoja fakisto, tiam vivis. Kiel lernanto de reala lernejo (duagrada lernejo) en Praha li perdis post eksplodo de pafilaĵo unu okulon, kaj kiam li post absolvo de teknika superlernejo preparis sin al eniro pratikan vivon, li blindiĝis tute.

De siaj infanaj jaroj li okupis sin kun amo kaj sukceso pri la muziko, kiu iĝis lia unusola konsilanto en tiel kruela malfeliĉo kaj potenca instigilo al plua vivo. Li dediĉis sin al ĝi kun tuta seriozeco de sia karaktero. Dum la jaro 1881 akceptis lin fama pedagogo kaj artisto Zdenek Skuhersky en unuan klason de trijara orgenista lernejo, kiun li absolvis kun eminenta sukceso.

De tiu ĉi tempo devenas lia «Meso en eklezia modo», fortepiana trio ludita publike kun granda sukceso dum la jaro 1884. Li daŭrigis sian artistan preparon private ĉe Zdenek Fibich, dum la jaro 1890 li absolvis en Vieno kurson por instruistoj de blinduloj, kaj de la jaro 1891 li instruas ĝis nun pri literaturo en blindulejo Klar, en Praha, kie li disdonas malavare al nematuraj, eĉ al grandaj flegitoj el riĉaj donoj de sia spirito kaj koro.

Kion faris tiu ĉi komponisto kaj instruisto por Bohema blindularo dum 30 jaroj, por Bohema blindula biblioteko en germanigita instituto, por Bohema porblindula ĵurnalaro (li estas redaktoro kaj iniciatinto de «Zora», unua gazeto de Bohemaj nevidulоj), kion li signifas por niaj

blindigitaj soldatoj, al kiu li per sia propra ekzemplo kaj profunda vivrigardo redonas perditan kredon je senco kaj celo de la vivo, — ĉion ĉi oni ne povas priskribi per kelkaj vortoj.

Kiel komponisto li estas favorege kritikita de Bohemaj eminentuloj Ekuhersky, Chvala, Fibich kaj Hostinsky. En enciklopedia vortaro de Otto oni legas pri li: «La komponaĵoj de Macan elvokas per sia profundeco en polifonio kaj per sia varma sento plej altan estimon pligrandigitan ankoraŭ per malfacilaĵoj, kun kiuj devis la aŭtoro lukti, ne povante mem reprodukti siajn pensojn per skribo kaj devante helpuzi fremdan manon por surpaperigo de la en cerbo antaŭe konstruita plano de siaj muzikverkoj. Por siaj komponaĵoj li ricevis premion de Bohema Akademio por Sciencoj, Literaturo kaj Artoj kaj ankaŭ ŝtatan stipendion.

Krom la ceteraj komponaĵoj verkis Macan meson en dorika modo, luditan laŭ rekomendo de Brahms en votiva preĝejo en Vieno, arĉ-instrumentan kvarteton (1889), orkestran melodramon «Amarus» laŭ teksto de poeto Jaroslav Vrchlicky, multenombrajn pianokomponaĵojn, Barcaroll'on por violono kun fortepiano, Dumka'n, k. t. p.

Sed lia plej propra fako estas — kanto. Modesta estas tiu ĉi fako, sed li montrigis en ĝi vera majstro. Jam lia unua cikleto «Kvin kantoj» interesigis majstron-komponiston D-ro Ant. Dvorak tiom, ke li vizitis junan aŭtoron. Kritikisto Chvala vicigis tiun cikleton en plej bonajn Bohemajn kantojn. Ili prezentan perfekte la karakteron de teksto per malofta melodiko, modela deklamo kaj pure Bohema ritmiko. Fortepiana parto distingiĝas per sprita harmonio, granda memstareco kaj karakteristiko.

Kiam pianistoj plendis pri malfacilaj akompanaĵoj de la cikloj: «15 kantoj» kaj «5 novaj kantoj», verkis Macan ciklon de kantoj titolitan «Malgaja Amo» (12 kantoj) laŭ teksto de poeto Bohdan Kamensky. Iom sentimentala teksto estas tie ĉi muzikigata simple kaj tamen tiel efike, ke fakulo rememomas spontane la eldiron de Carissimo : «Kiel malfacile estas — esti tiel facila!» En simila stilo estas verkita ankaŭ alia vico de kantoj: «Juna Amo». La «5 novaj kantoj» estas modela ekzemplo de majstra deklamo de Bohema vorto, de deklamo, kiu neniam transiras en simplan recitadon. La lasta el ili: «Finfloris jam papavoj ruĝaj», laŭ kuraĝerotiko teksto de K. E. Hajek, antaŭsentigas nin, al kiu celo proksimiĝas Macan. Mi aludas la kuriozan ciklon: «Ruĝaj sunsubiroj», en kiu la solece vivanta kaj jam griza Macan finkantis pri amo tiel dolorplene, ke oni trovos apenaŭ ion similan en mondliteraturo. Brula erotikeco de ĉi tiuj plej intimaj poemoj de poetino Ruzina Jesenska estas kovrita per eternaj, profundaj simboloj antaŭ okuloj de homoj, kiuj ne kapablas kompreni. La arto de Macan uzas kun detala kompreno tiun ĉi admirindan lirikon, potencigas ĝin, kaj igas ĝin cigna kanto de lia brulanta koro. Kaj same kiel poetino Jesenska eldonis la «Ruĝaj sunsubiroj» sole por siaj konatuloj, ne permesante, ke ili iĝu objekto de literatura foiro, same ankaŭ Macan konservas lastajn kantojn de sia nesatigita varma koro en manuskripto.

Pro amo al infanoj li eldonis «12 kantoj», «15 kantoj», kaj «18 kantoj», titolitajn sume «En Ekfloro». Plue li verkis 17 virinhorajn kantojn

kaj 7 virajn horojn. Por tenoro kun orkestro li verkis heroan poemon «Benes Hermanov» el mezepoka «Manuskripto de Karlove Dvur», komponaĵon kun larĝa fondo, arkaikan, patriote brilantan.

(Trad. St Stejskal.)

* * *

La ĉi supraj notoj el vivo kaj agado de nia respektinda kaj estimegata frato Macan, prezentas lin ĉefe kiel muzikiston. Kaj ni kredas ke laŭ naturtalento kaj inklinoj li estas precipe kaj esence muzikisto. Sed multon li ankaŭ faris en aliaj kampoj por siaj Bohemaj samsortanoj kaj por disvastigo de Esperanto. Neniam ni forgesos ke li iniciatis kaj aranĝigis la unuan internacian kongreson de blindaj Esperantistoj.

Dum la milito S-ro Macan fariĝis «pedagogia direktoro» de tiu lernejo en kiu li estis tiam laborinta dum proksimume kvarano da jarcento kaj nur antaŭ kelkaj jaroj li edziĝis je amatino de siaj pli junaj jaroj, ĉar ĉiam malfavoraj cirkonstancoj malhelpis pli fruan okazigon de tiu geedziĝo. Sed ĉiam li akceptis sian sorton kiel sendita de ĉioama Providenco, kaj lia respondo al niaj gratuloj pri lia edziĝo ŝajnas karakteriza de lia pia percepto de vivo. Li skribis i.a.: «Se plaĉis al Dio ke la vespero de mia vivo estu luma, estu volo Lia! Mi dankas Lin pro tiu ĉi feliĉo, kiel pro ĉio kion Li donis».

S-ro Macan suferas de kelkaj jaroj pro diabeto kaj pli kaj pli sentas bezonon de ripozo. Li sciigas nin, ke li tial verŝajne baldaŭ eksiĝos el ĉiuj siaj oficoj. Post tiom longtempa kaj tiom fruktoriĉa laboro por samsortanoj kaj por homa kulturo li certe meritas ripozon kaj povos ĝui ĝin duoble. Ni ne dubas ke ĉiuj legantoj de «Esp. Ligilo» unuiĝas kun ni en elparolo al S-ro Macan de koraj dankoj pro lia utilega agado kaj de egale koraj deziroj pri trankvilo kaj feliĉo por restantaj espereble multaj jaroj de lia vivo.

H. T.

(Laŭ Esperanta Ligilo Januaro 1922.)

---

# "Esperanta Ligilo„ - Vesperoj

En Praha, la 13a konsilis krompagon al gazetabonoj kaj societaj kotizaĵoj, kaj malfermon de monkolektoj en la gazetoj mem.

Ĉu la grupoj ne povus aranĝi «Esperanto Ligilo»-Vesperon dum unu aŭ alia el la ordinaraj kunvenoj? La programo konsistus el la legado de interesaj eltiraĵoj el biografioj de blinduloj, kaj se en la grupo aŭ la grupa urbo estas blindulo esperantista, (plej verŝajne muzikisto), li agrabligu la kunvenon per iu ludado; kaj finpunkto de la programo estu monkolekto por «Esperanta Ligilo».

Kiel akiri la materialon? Nu, ĉiu blinda samideano ja iam havis malfacilaĵojn venkotajn, al ĉiu ja okazis iu streĉiga afero; ĉies vivo enhavas momentojn, kies rakonto ja povas esti ĉu kortuŝa, ĉu kuraĝiga, ĉu ĝojiga, kaj kiu emigus la aŭskultantojn je... mildeco por la Ligilo. Me-

moru «Esperanto Triumfonta», N°jn 56 kaj 64 kun artikoloj pri S-ro Thillander, Ges-roj Zapater, S-ro Nosek! Pro propra sperto mi certigas, ke interesegaj notoj tiamaniere estas haveblaj; la ĉi supre cititaj artikoloj ja povus esti kompletigitaj per tre interesaj detaloj.

Kiel uzi la materialon? La informoj kunigitaj estu ĉu rondirigitaj de grupo al grupo, ĉu rekte presite senditaj al ĉiuj grupoj (La dua metodo certe estas preferinda).

Kiel aranĝi la aferon? Subskribanto prenas sur sin la taskon — ke ĝi estu fruktedona! — kaj proponas jenan aranĝon:

1e — Ĉiu blinda esperantisto sendu al li biografian aŭ specialan rakonton, ĉu punktreliefe, ĉu nigre skribitan. Oni aldonu se eble fotografaĵo(j)n.

2e — Ĉiu grupo, kiu intencas partopreni la aranĝon, sendu sian deziron kun plena adreso.

3e — Subskribanto kolektos kaj dissendos la ricevitajn informojn, per ordinara skribo, se estas sufiĉe da intereso je ambaŭ flankoj: — Blinduloj kaj Vesper - aranĝontoj.

Ĉiuj samideanoj kunagu! Aliaj ĵurnaloj bonvolu represi!

Por ĉiuj pliaj detaloj oni sin turnu al: S-ro Victor Hendricx, Zaimstraat, 43, GENTO.

# "Esperanta Ligilo„ de la Blindaj Esperantistoj.

NIA TRIA LISTO :

Kolekto ĉe la Koncerto 7. jan. de la Antverpena Gr. de Esp.

| | |
|---|---|
| Diamantistoj | fr. 65.38 |
| Al. Willemsen, Oude God | fr. 8.— |
| Antaŭaj listoj | fr. 167.75 |
| | fr. 241.13 |

(Donacojn oni sendu al FR. SCHOOFS, poŝtĉekkonto 284.20, Antverpeno.)

# Ekzameno pri profesora kapableco

La Komitato de la Belga Ligo Esperantista havas la honoron informi la samideanojn, ke ĝi okazigos en marto aŭ aprilo ekzamenon pri profesora kapableco. La loko estos Antverpeno.

La geesperantistoj, kiuj dezirus partopreni en tiu ekzameno, estas petataj komuniki sian deziron kiel eble plej baldaŭ al la Sekretario de la Ligo: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

# Ligo de Nacioj

## TRADUKO DE LA LETERO AL ESPERANTO-SOCIETOJ.

Genève, decembro 1921a.

Estimata Sinjoro,

Vi sendube aŭdis pri la decido de la Ligo de Nacioj enskribi sur la tagordon de sia tria kunsido la temon pri la instruado de Esperanto en lernejoj. La Ĝenerala Sekretrariaro estis komisiata prepari plenan raporton pri la jam faritaj spertoj kaj la rezultatoj jam atingitaj.

Ni estos tre dankaj se vi bonvolas havigi al ni tutan necesan informaron pri la instruado, la disvasteco kaj la uzado de esperanto en via lando. Tial ni petas vin afable sendi al ni kiel eble plej frue plenan kaj precizan raporton, respondante al la kunmetita demandaro kaj donante akuratan faktaron.

Kun esprimo de alta estimo, via

(Subskribita) INAZO NITOBE
Vic-Sekretario Ĝenerala
Direktoro de la sekcio por Internacia Oficejaro.

## TRADUKO DE LA DEMANDARO

1. Afable sendu al ni mallongan historian resumon pri la esperanta movado en via lando.

2. Kia estas la nuna stato kaj vasteco de la movado (Donu statistikon pri societoj, grupoj, kongresoj, kunvenoj, k. t. p.)

3. Kia estas la proksimuma nombro de personoj lernintaj Esperanton en via lando?

4. Kiuj esperanto-libroj aperis en via lando? a) lernolibroj; b) vortaroj; c) aliaj libroj en esperanto (bonvolu sendi katalogon kaj se eble specimenojn apartigante originalojn kaj tradukojn).

5. Kiom da ekzempleroj de lernolibroj aperis entute en via lando?

6. Kian oficialan helpon esperanto ricevis de nacia aŭ loka registaro (leĝoj, decidoj, registaraj delegitoj al kongresoj, kreditoj, subvencioj, privilegioj, aŭ ia alia formo de subteno)?

7. Kian publikan subtenon esperanto ricevis de gravaj societoj, institucioj aŭ eminentuloj en via lando? (Bonvolu aldoni al via raporto kopion de la rilataj dokumentoj kaj necesan nomaron) kreditoj.

8. Por kia aparta celo esperanto estis jam uzata en via lando? (Afable citu rimarkindajn ekzemplojn en komerco, scienco, politika propagando, filantropio, turismo, k. t. p.)

9. Kiuj esperanto-gazetoj aperas en via lando kaj kiuj aliaj gazetoj publikigas regulan esperanto-rubrikon?

10. En kiuj lernejoj kaj institucioj esperanto estas instruata en via lando? (Devige aŭ nedevige?) Donu nombron de klasoj, de lernantoj kaj de instruantoj: a) En unuagradaj lernejoj; b) en duagradaj lernejoj; c) en teknikaj aŭ komercaj lernejoj; d) en universitatoj; e) en institucioj diversaj (blindulejo, orfejo, k. t. p.); f) en privataj lernejoj

diversgradaj; g) en komplementaj instruejoj; h) en vesperaj kursoj publikaj aŭ privataj.

11. Kia estas la rezultato de tiu instruado? (Se ekzistas raportoj bonvolu sendi ilin. Plia pedagogia, socia aŭ morala informo pri tiu instruado estas utila).

12. Kiom da lecionoj estis necesaj por ebligi la lernantojn al praktika kono de esperanto, kompare kun fremdaj lingvoj? Ĉu esperanto montris sin utila al posta lernado de fremdaj lingvoj?

13. Kioma proporcio de geinstruistoj scias esperanton kaj kia praktika ebleco ekzistas por prepari aliajn?

# La internacia urbo

La Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj daŭrigas sian agadon por la starigo de Internacia Urbo, kombinota kun la Universala Ekspozicio de Bruselo en 1930a. Ĝi prezentis sian projekton al la diversaj ambasadoroj kaj regnaj senditoj. Kelkaj el ili akceptis kun interesiĝo la komunikon (Granda Britujo, Japanujo, Hispanujo, Rumanujo, Svislando, Ĉeĥoslovakujo, Arĝentino, Ĉilio, Persujo, Meksiko).

En la Monda Palaco, la sidejo de la Unuiĝo, okazis speciala kunveno la 6an de januaro, prezidita de Lia Moŝto D-ro Adatci, Ambasadoro de Japanujo.

Diskutinte la projekton, kiun prezentis kaj klarigis S-roj Paul Otlet kaj Senatano H. Lafontaine, la ĉeestantaj aŭ reprezentataj ambasadoroj kaj ministroj decidis hevigi la proponon al siaj regnestraroj.

La Komitato elektita de la Unuiĝo estos baldaŭ pligrandigata per aldono de naciaj sekcioj. La Regnestraroj estos invitataj por starigi tiujn sekciojn sub ilia oficiala protektado, kaj kun la celo plej atente pristudi la tutan demandon.

La komisionanoj alportos siajn konkludojn en konferencon, kiu okazos en Bruselo dum la monato junio 1922a.

* * *

Ni petas ĉiujn Esperanto-gazetojn, represi ĉi supran artikolon kaj ankaŭ tiun, kiu aperis pri la sama temo en nia kajero Nov. - Dec. 1921a. B. E.

# La Diino de la Malriĉeco (Balado)

— Vojoj kovritaj per oraj sableroj, verdiĝantaj stepoj, valoj amataj de la ĉamoj, montegoj stelkronitaj, torentoj vagabundaj, arbaregoj nepenetreblaj, lasu ŝin, lasu ŝin preterpasi, la bonan Diinon, la Diinon de la Malriĉeco.

— De post la kreado de l'mondo, de kiam la homoj estis naskitaj, ŝi trairas la mondon, ŝi loĝas inter la homoj, ŝi vojaĝas kantante, aŭ ŝi kantas laborante, la Diino, la bona Diino de la Malriĉeco.

— Kelkaj homoj kuniĝis por malbeni ŝin. Ili trovis ŝin tro bela kaj tro gaja, tro vigla kaj tro forta. Forŝiru ni ŝiajn flugilojn ili diris, donu ni al ŝi katenojn, per frapoj frakasu ni ŝin ke ŝi suferu kaj pereu, la Diino de la Malriĉeco.

— Ili katenligis la bonan Diinon, ili batis kaj persekutis ŝin, sed ili ne sukcesis malnobligi ŝin, ŝi rifuĝis en la animon de la poetoj, en la koron de la kamparanoj, en la koron de la artistoj, en la koron de la martiroj kaj en la koron de la sanktuloj, la bona Diino, la Diino de l'Malriĉeco.

— Ŝi marŝis pli longe ol la vaganta Judo, ŝi vojaĝis pli multe ol la Hirundo, ŝi estas pli maljuna ol la katedralo de Prago, kaj pli juna ol la ovo de la regolo, ŝi pli multobliĝis sur la tero ol la fragoj en la Boehmer arbarego, la Diino, la Diino de l'Malriĉeco.

Ŝi havis multegajn infanojn, kaj ŝi instruis ilin pri la sekretoj de Dio, ŝi parolis al la koro de Jesuo sur la monto, al la okuloj de la Reĝino Libusa kiam ŝi enamiĝis al laboristo, al la animo de Johano kaj Jeromo sur la brulŝtiparo de Konstanco, ŝi scias pli multe ol ĉiuj episkopoj, la bona Diino de la Malriĉeco.

— Ŝi ĉiam faras la plej grandajn kaj la plej belajn aĵojn kiujn oni vidas sur la tero; estas ŝi kiu kulturas la kampojn kaj kiu ĉirkaŭtranĉas la arbojn, estas ŝi kiu kondukas la bestaron kantante la plej belajn kantojn, estas ŝi kiu vidas aperi la matenkrepuskon kaj kiu ricevas la unuan rideton de la suno, la bona Diino de la Malriĉeco.

— Estas ŝi kiu konstruas per verdaj branĉetoj la dometon de la arbohakisto, kaj kiu donas al la ŝtelĉasisto la rigardon de la aglo, estas ŝi kiu elnutras la plej belajn knabetojn kaj kiu malpezigas la plugilon kaj la fosilon en la manoj de la maljunulo, la bona Diino de la Malriĉeco.

— Estas ŝi kiu inspiras la poeton, kaj kiu igas elokventa en la manoj de l'artisto vagabunda, la violonon, la fluton kaj la gitaron, estas ŝi kiu portas lin sur siaj flugiloj rapidaj, de la fonto de la Moldaŭ al tiu de la Danubo, estas ŝi kiu kronas liajn harojn per perloj de matenroso kaj kiu igas la stelojn brilegi pli larĝaj kaj pli belaj, la bona Diino de l'Malriĉeco.

—Estas ŝi kiu instruas la lertan metiiston, kaj kiu montras al li kiel oni tranĉas la ŝtonon, kaj la marmoron, prilaboras la oron kaj la arĝenton, la kupron, kaj la feron; estas ŝi kiu en la fingroj de la maljuna patrino kaj de la juna filino igas la linon fleksebla kaj maldika kiel harero, la bona Diino de l'Malriĉeco.

— Estas ŝi kiu subtenas la pajlokovritan dometon ŝanceligatan de la ventego, estas ŝi kiu ŝparas la rezinon de la torĉo kaj la oleon de la lampo; estas ŝi kiu knedas la panon de la familio kaj kiu teksas la vestaĵojn por la vintro kaj somero; estas ŝi kiu nutras kaj provizas la mondon, la bona Diino de la Malriĉeco.

— Estas ŝi kiu konstruis la vastajn kastelojn kaj la malnovajn katedralojn; estas ŝi kiu portas la glavon kaj la pafilon, estas ŝi kiu faras la militon kaj faras la konkiradojn; estas ŝi kiu kolektas la mortintojn; kiu flegas la vunditojn kaj kiu kaŝas la venkiton, la bona Diino de la Malriĉeco.

— Vi estas nur dolĉeco, patienco, forteco kaj kompatemo, ho bona Diino. Estas vi, kiu kunligas per sankta amo ĉiujn viajn infanojn, kaj kiu donas la bonfaron, la fidon kaj la esperon, ho bona Diino.

— Iam viaj infanoj ĉesos porti la mondon sur siaj ŝultroj, ili estos rekompencitaj pro siaj penoj kaj laboroj. La tempo alproksimiĝas kiam ne ekzistos plu riĉuloj kaj malriĉuloj, kiam ĉiuj homoj manĝos la fruktojn de la tero, kaj ĝuos egale la bonfarojn de Dio: sed vi ne estos forgesata en iliaj himnoj, ho bona Diino de la Malriĉeco.

— Ili rememoros ke vi estis ilia fruktodona patrino, ilia fortika nutristino, kaj aganta Eklezio,ili etendos la balzamon sur viaj vundoj, kaj ili faros de la renovigita tero liton, kie fine vi povos ripozi, ho bona Diino de la Malriĉeco.

— Atendante la tagon de la Savinto, torentoj kaj arbaregoj, montoj kaj valoj, stepoj kiuj svarmas de malgrandaj floroj kaj birdoj, vojoj kovritaj per oraj sableroj kiuj ne havas majstrojn, lasu ŝin, lasu ŝin preterpasi, la bonan Diinon, la Diinon de la Malriĉeco.

Originale france verkita de Georges Sand.
Tradukis A. Van de Velde.

# Belga kroniko

ANDENNE :

En la antaŭa numero de nia gazeto la leganto vidis la unuajn sciigojn pri la movado esperanta en Andenne. La kurso, gvidata de nia bonega kaj lerta amiko, D-ro Melin, daŭrigas kun sukceso. Al ĝi partoprenas ne nur aro da industriaj oficistoj, sed ankaŭ dek geprofesoroj kaj la direktoro de la Mezgrada Lernejo mem kun sia edzino. La direktoro, S-ro Couturier, multe ŝatas Esperanton, kiun li jam eklernis kiam li loĝis en La Louvière, dum la milito. Li konsilis al sia profesoraro sekvi la kurson, kaj S-ro Melin ne malesperas, ke la nombro de la gelernantaro baldaŭ atingos 30 ĝis 40! La progresema Urbestraro de Andenne kaj S-ro Couturier estas ege dankindaj pro sia favora sintenado kaj agado por nia lingvo. Ni deziras la plej grandan sukceson al la kurso kaj al ĝia gvidanto, kaj longan vivon al la nova grupo Andena.

L. COGEN.

ANTVERPENO :

ĈE LA «GRUPO DE LA ESPERANTISTAJ DIAMANTISTOJ». — Sabaton, 7an de januaro, tiu agema grupo organizis grandan Esperantan feston, kiu akiris plenan sukceson. Ĝi okazis en la «Borso de la Diamantistoj» je l'profito de «Zonnestraal», bonfaranta movado por ftizuloj. Ĉirkaŭ 800 personoj ĉeestis kaj la financa kaj propaganda rezultato estas ege kontentiga. Gratulojn al la organizintoj pro tiu praktika maniero disvastigi nian lingvon.

ĈE LA «SUPERA KOMERCA INSTITUTO». — Kiel konsekvenco de la senĉesa propagando, kiun faras en Antverpeno nia amiko Schoofs, la «Klubo de la Valonaj Studentoj» de la «Supera Komerca Instituto» interesiĝis pri nia movado kaj petis S-ron Schoofs fari paroladon pri Esperanto al ĝiaj membroj. En la granda amfiteatro de la instituto

mem okazis, la 24an de januaro, tiu parolado, kiu ekvekis grandan intereson ĉe la aŭdantaro, kiu kalkulis pli ol 80 studentoj. La konkreta rezultato estas, ke multaj ĉeestintoj tuj ekkomencis la lernadon de nia lingvo. Tre grava estas la fakto, ke Esperanto interesas rondon de studentoj de la «Komerca Instituto» kaj la okazinta parolado esperable estas la unua paŝo por la enkonduko de nia lingvo en tiun gravan lernejon.

ĈE LA REĜA SOCIETO DE FOTOGRAFAJ KAJ SCIENCAJ STUDOJ. — Tiu societo ankaŭ invitis nian pioniron Schoofs por fari paroladon pri Esperanto. Ĝi okazis la 31an de januaro antaŭ 35 membroj.

**BRUĜO :**

La tiea grupo ĵus starigis novan kurson. S-ro Witteryck, la simpatia Prezidanto de la «Ligo» faris la malferman parolon, sekve de kiu pli ol 125 gelernantoj enskribigis sin por sekvi la kurson. Plej sincerajn gratulojn al F-ino Thooris kaj S-ro Dervaux pro tiu bela rezultato!

**BRUSELO :**

La 22an de jan. nia nelacigebla samideanino F-ino Jennen, prezentis sian paroladon pri «Ĉeĥoslovakujo» en Jodoigne antaŭ plenega ĉambrego, kaj la 4an de febr. en la Belga Ligo por la Rajto de l'Virinoj. Ne necese estas aldoni, ke tiuokaze nia propagandistino faris bonegan propagandon por nia lingvo.

**GENTO :**

Delegitoj de ĉiuj grupoj de «Granda Gento» kunvenis por aranĝi monkolekton je l'profito de la «Monumento Zamenhof». Estis decidate, ke la monkolekto okazu kiel eble plej baldaŭ kaj la sumo kolektita estu sendata al S-ro Schoofs, Direktoro de B. E.

**MEĤLENO :**

La 31an de januaro nia amiko A. Baesens faris paroladon pri la «Historio de Esperanto», organizitan je la okazo de la fermo de la elementa kurso de E. kaj de la malfermo de perfektiga kurso.

**VERVIERS :**

Grandan agemon montras la tieaj amikoj kies laboro estis ĵus rekompencita de gravaj sukcesoj. La 8an de januaro okazis sukcesplena «Esperanto-Tago». Tiuokaze, S-ro Vandevelde, Ĉefinĝeniero ĉe la ŝtataj fervojoj en Gento, faris paroladon pri la jena temo: «Kiel havigi al si mondrilatojn»? La respondo estas evidente: pere de Esperanto! Okazis ankaŭ tre vizitata Esperanta ekspozicio kaj bela festo, kiuj tre utilis por la propagando. Sekve de tiu Esperanto - Tago, kiu vekis la atenton de la publiko, novaj kursoj okazos ĉe pliaj gravaj rondoj: 1e ĉe la «Ruĝa Krucanoj», 2e ĉe la «Oficista Sindikato» (1800 membroj) kies Sekretario aperigis bonan poresperantan artikolon en la ĵurnalo «l'Employé» organo de tiu sindikato; 3e ĉe la laborista sindikato «La Lainière», kiu sendis delegiton al la Esperanto-Tago», sekve de kiu ĝi petis profesorojn por tuj komenci kursojn; plie tiu sindikato baldaŭ eldonos gazeton, en kiu estos rezervata «Esperanta Angulo».

Sed, la plej grava fakto estas, ke la urba konsilantaro jus akceptis la nedevigan enkondukon de Esperanto en la 4an gradon de la urbaj lernejoj por knaboj. Kurso, kiun gvidos S-ro Parotte estos tuj organizata, kaj la Honora Prezidanto de la «Verviersa Grupo» donacis cent

frankojn por ke la knabo, kiu havos la unuan premion, povu ĉeesti la proksiman belgan kongreson en St. Nikolao. Je l'nomo de la belga samideanaro ni gratulas niajn Verviersajn amikojn pro tiuj belaj rezultatoj!

H. P.

# XI[a] La Belga Esperanto kongreso

S-ta NIKOLAO (W), 4-5 JUNIO 1922.

LA ORGANIZA KOMITATO estas jene kunmetita :

S-ro A. De Bosschere, prezidanto; S-ro C. De Bie, vic-prezidanto; S-ro Omer Pauwels, Sekretario; S-ro Arsène Pauwels, kasisto; F-inoj Marg. De Gendt, Anna Van der Linden, S-roj A. Douven kaj O. Verschelden, gemembroj.

ADRESO DE LA KONGRESA OFICEJO: Regencieplaats, 3. St. Nikolaas (W.)

PROPAGANDAJ GLUMARKOJ, laŭ modeloj gluitaj en ĉi tiu numero, estas jam eldonitaj. Prezo: po Fr. 3.— por 100.

KONGRESAJ POSTKARTOJ estas ankaŭ haveblaj po Fr. 1 por 20. Oni mendu la kongresajn eldonaĵojn ĉe la supre citita adreso.

La programon de la kongreso, kaj ĉiujn detalojn pri aliĝo, loĝado, k. t. p. ni publikigos en nia proksima numero.

# XIV Universala Kongreso de Esperanto en Helsinki - Helsingfors

Finnlando, la 6—12 de aùgustos 1922.

TRIA KOMUNIKO.

1. Vivkostoj en Helsinki. La cifero I signifas unuarangan hotelon aŭ restoracion, II duagradan, III pensionon aŭ «hejmon por vojaĝantoj» (puraj kaj komfortaj), IV malkaran manĝejon (ankaŭ ĉi tiuj tre rekomendindaj). — Loĝejo: I 35 — 70 mk (du litoj 50 — 100 mk), II 30 — 50 mk (du litoj 40 — 70 mk), II 25 — 35 mk (du litoj 35 — 50 mk). Teo aŭ kafo kun buterpano 5 — 6 mk. Matenmanĝo (lunĉo) I — III 12 — 15 mk, IV 5 — 9 mk. Tagmanĝo I 20 — 25 mk, II 15 mk, III 12 mk, IV 6 — 10 mk. Vespermanĝo same kiel tagmanĝo. Vegetara matena, taga aŭ vespera manĝo 7 — 9 mk. — Pri malkaraj loĝejoj ni informos poste.

2. Aliĝo. La aliĝilo nun estas sendita kun la Esperanta gazetaro en ĉ. 40.000 ekzempleroj. Se iu tiel ne ricevis la aliĝilon, bonvolu peti ĝin de la L. K. K.

Ni reatentigas, ke nur aliĝoj kun kotizo estas registrataj. La jam aliĝintoj estas petataj plenigi kaj alsendi la aliĝilon.

3. Protraktotaj aferoj. Ni atentigas la samideanojn, ke ĉiuj pritrakt-

otaj aferoj estas informotaj al la K. K. K., per adreso de Esperantista Centra Oficejo, 51 rue de Clichy, Paris, antaŭ la 1:a de majo 1922.

4. Fakaj kunsidoj. La L. K. K. konsideras la sukceson de la fakaj kunsidoj tre esenca por la ĝenerala sukceso de la kongreso, tiel je propaganda vidpunkto kiel ankaŭ por la progresado de nia interna movado. Tial la L. K. K. iniciatos, ke diversaj fakaj organizaĵoj invitu kaj aranĝu la fakajn kunsidojn. En niaj komunikoj ni informos la adresojn, al kiuj povas sin turni la samideanoj, kaj laŭeble la societojn invitantajn.

Laboristoj: Laborista Esperantista Societo «Unueco» kaj la Kleriga Ligo Laborista (Finnlanda). Adreso ĉe Työväen Urheilullitto (Laborista Sportligo), Eläintarhantie 1, Helsinki.

Blinduloj. S-ro R. Bergh, Gengatan 3.

Kristanoj. Pastro H. Pätiälä, Vuolenkoski. Uusikylä.

5. Antaŭkongresa ekskurso trans la Polusa cirklo. Ĉar kelkaj samideanoj el Italio esprimis la deziron viziti la bordojn de Glacia Oceano, ni decidis iniciati ekskurson al Petsamo, la nova teritorio de Finnlando ĉe la Glacia Oceano. Ĉi tiu vojaĝo komprenehle estas tre longa kaj parte peniga, tiel ke ni povas ĝin rekomendi nur al grandaj turistoj, sed cetere neniu ekskurso pli plene valoras la penojn. Ni aludas al la ilustrita artikolo en Esperanta Finnlando, decembro 1921. — La partoprenontoj devos elveturi el Kristiania, ĉefurbo de Norvegio, la 9:an de julio; ili povos resti unu tagon en la interesaj urboj Trondjhem kaj Tromsö, kaj alvenos al Vardö la 16:an nokte. Ĝis tie la vojaĝo okazas en unuaklasa vaporŝipo. De tie oni daŭrigas per motorboato al Petsamo, kie oni alvenos antaŭ la malleviĝo de suno, kiu okazas la unuan fojon en la somero la 17an de julio, certe ankaŭ tiam nur por kelkaj minutoj. La meznoktan sunon la ekskursantoj vidos almenaŭ trifoje. En Petsamo ili restados ekskursante kaj fiŝkaptante 7 — 10 tagojn, por poste ekveturi laŭ riveroj, lagaroj, ŝoseo, per boatoj kaj poŝta aŭtobuso ĝis Rovaniemi, kie ili eniros fervojan kupeon. La 3:an de aŭgusto ili alvenos en Helsinki, kie ili do havos du plenajn tagojn por ripozo kaj rigardado de la urbo, se ili ne volas uzi tiujn al ekskursoj. — La ekskursanoj, kiuj eble ne kuraĝus alveturi tra la dezertoj, laŭ riveroj kaj lagoj, povas reveturi laŭ la linio Vardö — Narvik — Haaparanta — Tornio — Helsinki. per vaporŝipo kaj vagonaro. — La kostoj de vivado en Petsamo estas ĉ. 50 Fmk tage. Le veturo tra la dezertoj kostas 1200 — 1800 Fmk (laŭ la nombro de partoprenontoj), de Petsamo ĝis Helsinki, kun manĝo, tranoktado kaj ĉio enkalkulata. La vojaĝo tra Narvik proksimume egale. Biletprezoj: fervoje Kristiania — Trondhjem I 134; II 67; III 39.30; ŝipe Trondhjem — Vardö I 117.50; II 75; III 47.50 Norvegaj kronoj.

6. La poŝtkartoj kaj reklamsignoj promesitaj pretiĝas en mezo de decembro kaj estas sendataj al ĉiuj mendintoj. Mendu kaj uzu kiel eble plej multe.

7. Donacoj. La LKK danke notas entute 3.000 Fmk.

8. Blindula kaso. La LKK notas la jenajn donacojn je sume 34 Fmk.

9. Garantia kapitalo. La LKK danke notas entute 4000 Fmk.

10. Aliĝoj. La ĝisnunaj aliĝintoj estas el sekvantaj landoj:

Germanujo 10, Anglolando 7, Holando 6, Estonio 4, Ĉekoslovakujo kaj Franclando po 3, Aŭstrio, Pollando kaj Svislanso po 2, Finnlando 37, entute 76 aliĝintoj el 10 landoj.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO:

Adreso: Poŝta (ankaŭ por monsendoj): XIV Kongreso de Esperanto Helsinki, Finnlando.

Telegrafa: Esperanto, Helsingfors.

# La du vilaĝanoj kaj la nubo

Du vilaĝanoj vidis nubon sur la ĉielo.

— Ĝi alportos fulmotondron, diris la unua.

— Ne, pluvos, diris la alia.

— Mi diras, ke tiu nubo alportos teruran fulmotondron, kiu detruos niajn rikoltojn kaj fruktojn. Nia edzino, niaj gefiloj, niaj ĉevaloj, bovoj, porkoj, ŝafoj, kokinoj, kolomboj, anseroj, kaj ni mem ne havos nutraĵon. Estos la malsatego, la malsanoj, la morto!

— Vi eraras, mia amiko, la falonta pluvo faros multajn bonaĵojn al niaj kampoj. La tero donos la duoblon da aveno, hordeo, sekalo, tritiko kaj vinberoj.

— Ne!

— Jes!

La parolado varmeĝiĝis, ŝanĝiĝis en disputon kaj la du vilaĝanoj ekbatalis. Dum tiu tempo la vento kunportis la nubon al alia lando. Ne pluvis, nek fulmotondris tiun tagon.

Ne perdu vian multekostan tempon per nenecesaj paroladoj, sed uzu ĝin por plenumi viajn devojn.

Laŭ FLORIAN.

Tradukis Germaine Kenens.

# Akademio

Pro troa laborado, kiel redaktoro de grava gazeto pri senfadena telegrafio, kaj ankaŭ tre senkuraĝigita de la reformemo ĉe kelkaj, kiuj sur ŝancelebla fundamento, malobligus ĉian firman konstruaĵon, D-ro Pierre Corret rezignis en la Akademio de direktorecon de la Sekcio por la scienca kaj teknika vortaro.

Ne forgesante la servojn de D-ro Corret kaj dankante lin, la Akademio decidis unuvoĉe komisii al S-ro Rollet de l'Isle, kiu akceptis, la taskon organizi kaj direkti, sub ĝia kontrolo, la laborojn de la supreciita Sekcio.

Kiel sekretarion S-ro Rollet de l'Isle elektis S-ron C. Rousseau, aŭtoron de la «Poliglota Vade-Mecum de Internacia Farmacio».

Ĉiujn dokumentojn oni do bonvolu de nun sendi al S-ro C. Rousseau, 4, Place de la Republique, Levallois-Perret (Seine), Francujo.

Januaro 1922. TH. CART, Prezidanto.

# De vooruitgang van Esperanto

TE VERVIERS werd het Esperanto als vrij leervak ingevoerd in den 4n graad van de lagere gemeentescholen voor jongens.

IN DE HANDELSSCHOLEN VAN PARIJS. — Ingevolge beslissing genomen in 't begin van 1921 door de Handelskamer van Parijs, zijn nu Esperanto-leergangen geopend in de verschillende handelsscholen van de Fransche hoofdstad. In navolging van dit voorbeeld heeft de School voor Hooger Handelsonderricht voor meisjes (vrij onderwijsgesticht, erkend door den Staat en bestuurd door Mej. Sanna, lid van den Hoogeren Raad van Openbaar Onderwijs) insgelijks het esperanto op haar programma geschreven. Een eerste kursus is reeds aan den gang.

IN JAPAN ontwikkelt zich het Esperanto met snelheid. Leergangen zijn ingericht in de studentenmiddens en in de intellectueele vereenigingen van alle groote japansche centrums. Een voordracht voor de ijzerenwegbedienden had voor gevolg de inschrijving van 180 personen, die den wensch uitdrukten de taal te leeren. 356 studenten hebben de laatste kursussen gevolgd ingericht in het 8e Nationaal Kollegie te Nagoja.

HET INSTITUUT J. J. ROUSSEAU van Genève heeft besloten op 18-21 April 1922 een internationale konferentie bijeen te roepen om de verschillende punten te bespreken met betrekking op de invoering van het Esperanto in de scholen.

DE 5e HANDELSFOOR VAN VALENCIA (Spanje) (Mei 1922) gebruikt Esperanto voor hare propaganda.

OP DE JAARLIJKSCHE KONFERENTIE DER VEREENIGINGEN VAN OPVOEDING, gehouden op 5 Januari in het Kollegie van de Londensche Universiteit, heeft een bijzondere afdeeling zich bezig gehouden met de invoering van Esperanto in de Scholen. De Voorzitter, Dr C. W. Kimmins, die tevens het voorzitterschap waarneemt van het Komiteit voor Opvoeding bij den Bond der Natiën, heeft verklaart groot belang te stellen in het Esperanto-vraagstuk. Hij is van gevoelen dat een algemeene internationale taal volstrekt noodzakelijk is tot het volledig bereiken van het ideaal van den Volkenbond. Mej. Norton heeft er verslag geleverd over hare bevindingen in het onderricht aan kinderen en bevestigd dat de leerlingen, die Esperanto geleerd hebben, meer vorderingen in hunne moedertaal maken dan de andere.

TE NEW-YORK werden Esperanto-leergangen geopend voor de leden van het Syndicaat der bakkers (4000 aangeslotenen). Die kursussen hebben alle avonden plaats. De Ferrer Modern Sunday School, alsook de Rand School voor Sociale Wetenschap, hebben het Esperanto op hun programma gesteld.

DE GEMEENTEOVERHEID VAN CREMONA (Italië) heeft onlangs besloten dat het Esperanto als vrij leervak zal onderwezen worden in de lagere hoofdscholen van die stad.

———

# Les progrès de l' Esperanto

A VERVIERS l'Espéranto a été introduit à titre facultatif au programme du 4e degré des écoles primaires communales de garçons.

DANS LES ECOLES COMMERCIALES DE PARIS. — Comme suite à la décision prise au commencement de 1921 par la Chambre de Commerce de Paris, des cours d'Espéranto fonctionnent actuellement dans les divers établissements d'enseignement professionnel de cette institution. Imitant cet exemple, l'Ecole pour l'Enseignement supérieur commercial pour filles, institut libre, reconnu par l'Etat et dirigé par Mlle Sanna, membre du Conseil Supérieur de l'Instruction publique, vient également d'introduire l'Espéranto dans son programme. Un premier cours a déjà été ouvert.

AU JAPON l'Espéranto se développe avec rapidité. Des cours ont été ouverts dans les milieux estudiantins et groupements d'intellectuels de tous les grands centres japonais. Une conférence faite devant les employés des chemins de fer amena l'inscription de 180 personnes désireuses d'apprendre la langue. 356 étudiants ont suivi les derniers cours organisés au 8e Collège National de Nagoja.

L'INSTITUT J. J. ROUSSEAU à Genève a décidé de convoquer pour le 18-21 avril 1922 une conférence internationale pour étudier les questions que pose l'enseignement de l'Espéranto dans les écoles.

La 5e FOIRE D'ECHANTILLONS DE VALENCE (Espagne) (Mai 1922) emploie l'Espéranto pour sa propagande.

A LA CONFERENCE ANNUELLE DES ASSOCIATIONS D'EDUCATION, tenue le 5 janv. au Collège de l'Université de Londres, une section spéciale s'est occupée du problème de l'Espéranto, dans les Ecoles. Le Président, le Dr C. W. Kimmins, qui préside également le Comité d'Education de la Ligue des Nations, a déclaré s'intéresser beaucoup à la question Espérantiste. Il affirme que pour atteindre complètement l'idéal de la Société des Nations une langue internationale commune est absolument nécessaire. Mlle Morton y a fait rapport de ses expériences dans l'enseignement aux enfants et a affirmé que les enfants qui ont appris l'Espéranto, font plus de progrès dans l'étude de leur langue maternelle que les autres.

A NEW-YORK des cours d'Espéranto ont été ouverts pour les membres du syndicat des boulangers (4000 membres), des cours ont lieu tous les soirs. La Ferrer Modern Sunday School, ainsi que la Rand School of Social Science ont porté l'Espéranto au programme de leur enseignement.

Enfin l'ADMINISTRATION DE CREMONE (Italie) vient de décider que l'Espéranto sera enseigné à titre facultatif dans les Ecoles primaires supérieures de cette ville.

———

# Zamenhofaj vortoj

## PRI UNUECO.

Per unueco ni pli malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide, ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune (Krakow, 1922).

Ĉiu vera amiko de lingvo internacia devas absolute silenti pri siaj personaj gustoj aŭ gustetoj, kaj ĉiuj devas antaŭ ĉio labori en **plej severa unueco**, por ke ni akiru por nia afero la **konfidon** de la mondo (Cirk. Letero, 1908).

## PRI NATURA EVOLUCIO.

Volapük pereis ĉefe pro unu grava eraro; kiun ĝi bedaŭrinde enhavis: absoluta manko de natura evoluipovo (Antwerpen, 1911).

Lingvo, kiu devas trabati al si la vojon per laborado de amasoj, povas disvolviĝi nur per tre singarda vojo de natura evolucio; sed ĝi tuj mortus, se oni volus ĝin disvolvi per kontraŭnatura kaj danĝerega vojo de **revolucio** (Cirk. Letero, 1908).

## PRI LA LINGVA KOMITATO.

Car la Lingva Komitato ĝis nun faris ankoraŭ neniun rompon en la lingvo, tial la reformistoj ĝin kulpigas, ke ĝi estas senviva, senforta, senaŭtoritata, sentaŭga (Cirk. Letero, 1908).

Pli bone estas, ke la Komitato faru tro malmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povus malutili al nia tuta afero.

(Dresden, 1908.) L. L. ZAMENHOF.

---

## PRINCIPDEKLARO.

En la nuna periodo ni, Esperantistoj, devas ĉion konsideri el propaganda kaj instrua vidpunkto.

Tia estu nia kondutregulo, ĝis kiam la Registaroj oficiale akceptos Esperanton kaj ĝin **oficiale** enkondukos en la lernejojn.

Grava eraro estus opinii, ke pli facile, pli rapide tion ili faros, se ni unue konsentas pri kelkaj reformoj: Francio, anstataŭ Francujo, plena aŭ parta forigo de l'akuzativo, neŝanĝebleco de l'adjektivo, **per** anstataŭ **de** post pasivo k. t. p.

Uzante nian Zamenhofan lingvon, montrante al ĉiuj, eĉ al la skeptikuloj, ĝian plenan taŭgecon en ĝia nuna formo, ni iros al la venko; sed se ni mem kredigas, ke ĝi bezonas unue kelkajn «plibonigojn (?)», ni detruos la **konfidon** kaj pereigos nian tutan aferon.

Ni do simple uzu nian Esperanton. Ni ne perdu nian tempon kaj nian forton, diskutante aŭ kritikante ĝin.

* * *

Esperanto nin ĉiujn superas, kaj nia sola gloro estas modeste labori por ĝia estonta triumfo, kiun ni eble ne ĝisvivos, sed certigos, en ne-

---

# Koresponda Fako

(Enpreso de malgranda anonco kostas Fr. 1 aŭ 4 respondkuponojn.)

Buenaventura Noguera, Jodis, N° 9, piso 1° izquierda, Tarasa (Hispan.)

Manuel Santiso, Apartado 116, Santa Clara, (Cuba).

Joŝimicu Joŝinaga, 4 Iuataĉo, Okajama (Japanlando), popol- k.· infankantoj k. c.

Frits Haufe, Fichtenstrasse, 11, I, Dresden. N. 6. (Germanujo).

---

cesa persona sinforgeso, nur per nia konkordo ĉirkaŭ komuna programo: Plena respekto al la lingvo, kiun donis al ni D-ro Zamenhof, por ke ni ĝin disvastigu senlace en la tutan mondon al pli alta celo!

TH. CART,
Prezidanto de la L. K.

Baldaŭ aperos: (1) Tria Adono al U. V. — (2) Plena listo de Ofic. Vortoj (sen traduko). — (3) Listo de propre esp. Radikoj (kun fr. angl. germ. tradukoj). — (4) Korektoj de la eraraj trad. de U. V.

# Esperantistoj faru vian devon al la "Centro,,

Estas konata fakto, ke la homoj oftege similas al aro da ŝafoj, kiuj eme sunumante sub la radioj de sia planedarcentro, eĉ ne konscias pri la origino, pri la deveno de tiu senmezura viviga forto. Simile agas la granda arego de nia Esperantistaro. Ĝi ankaŭ volonte sunumas en la brilo de ni «Centro»,kiu per abela diligento kolektas kaj ordigas la historiajn kaj statistikaj faktojn pri nia movado,kiu konservas la literaturajn produktaĵojn, kiu peras la rilatojn inter la Esperantista popolo, kiu estas la vejna kaj nerva centro, la koro, cerbo kaj spino de l'Esperantismo. Kaj kiel volonte ni fanfaronas pri nia plej supera lingva forumo, pri nia «Lingva Komitato», nia «Akademio», nia «Centra Oficejo»! Ne ekzistas propagandisto, kiu en siaj paroladoj ne mencius favore nian vivigan organismon!

Sed ĉu tiu nia interliga vivoforto, nia Centro havas sian kontinuan, materialan vivrimedon, ĉu ĝia konstanta ekzistado estas asekurita? Pri tio bedaŭrinde tro malmultaj samideanoj ĝis nun meditis. Kvankam ni ĉiuj sias, ke eĉ la plej perfekta meĥanismo ekmalfunkcias, se oni ne oleumas la radaron, se oni ne streĉas la risorton, se oni ne zorgas pri konstanta alkonduko de moviga forto. Car neniu pensu, ke tia meĥanismo, kiel nia lingva centro, estas funkciigebla kvazaŭ iu Esperantista klubo, kies anaro kunvenas foje dum semajno en la vesperaj horoj, kaj ripozante de la pena profesia taglaboro, pasigas la tempon per amuziga, pli malpli serioza interbabilado.

La ofico de tia «Centro» ege estas kunligita kun detale preciza, konstanta, tuttaga agado, faktokolektado, korespondado, registrado, statistikigo, arĥivigo k. t. p. k. t. p. kio okupas la tempon de konscienca, profesia oficistaro, perlaboranta per tiu okupo sian porvivon, do regule salajrata de sia oficdonanto. Kiu nun estas tiu plej supera ĉefo kaj oficdonanto de nia «Centro»? — Nature ja la Esperantistaro! ni respondas. Laŭ siaj postuloj direktitaj al la «Centra Oficejo» oni eĉ ne povus alion konjekti. Kaj fakte kion ni spertas? Ke nia kontrakto kun la «C. O.» estas ekstreme unuflanka! Ni ĝuas sole la privilegiojn, la avantaĝojn de l'instituciо, sed absolute malzorgas niajn devojn al ĝi. Indolente ni povas toleri ke Solulo, de ni ĉiuj alte ŝatata, dediĉu

ne sole siajn intelektajn kapablojn al nia movado, ke li eĉ oferu sian materialan havon, vivtenante de post ĝia fondiĝo la «C. O.»-n, kiu ja funkcias por nia komuna afero. Ni ĉiuj plenkore deziras, ke nia amata Generalo Sebert ĝuu ankoraŭ longan vivovesperon, sed ĉu ni pripensis jam, kia sorto atendos nian «C.O.»-n, se ĝia sola vivtenanto transiros iam en la pli belan eternan vivon? Kaj ĉu ni inerte atendu tiun momenton? Ĉu ni ne ĉiuj povas percepti, ke kio por sola persono, kiom ajn bonhava li estu, materiale estas supermezura, tiun depagon la tuto eĉ ne sentas, ĉar ĝi estas nur ero de ĉies taga enspezo; nature ni ĉiuj devas konsente kunagi! Ekkonsciiĝu do Esperantistoj! Vane pridiskutas la aferon kelkaj helpemuloj dum niaj kongresoj, vana estas starigo de l'ligo de «Esperanto -Amikaro»; se ni ne ĝeneraligos la morale devigan depagon, ĉiam nur restos unuopuloj, kies kotizo neniam sufiĉos, por daŭre bazigi ties permanentecon!

Mia propono estas do la sekvanta: Ni fiksu la depagon je minimumo, por ke eĉ la plej malriĉulo sen monperdo sentebla povu ĝin fordoni, **ĝi konsistu el la nura monunuo de l'koncerna lando po jaro**, ĉu franko, guldeno, marko, krono, ŝilingo, peso, peseto, milrejso, levo, drahmo, liro, jeno, rublo, eskudo aŭ dolaro; **sed ĉiu Esperantisto senescepte sentu la moralan devon, depagi tiun jaran alcentran obolon!** — La izolulo ĝin donu al la plej proksima grupo, la grupo aŭ klubo ĝin enspezu de sia anaro, la Esp.-kursgvidantoj de siaj kursanoj, la regiona aŭ landa estraro, se tia estas, kolektu la monon kaj peru ĝin al la «C. O.».

Refoje kaj insiste mi petas la Samideanaron, ne ĝisatendu superan decidon, la amaso devigu la estrojn, aranĝi la agadon, prefere hodiaŭ, al morgaŭ; **«bis dat, qui cito dat!»** (duoble donas, kiu tuj donas!) — **«Viribus unitis»** (per unuigitaj fortoj) estis la devizo de mortinta imperiestro — kaj sole per unuigitaj fortoj ni povos konkiri la mondon, sed por unuigi nin oni bezonas unuiganton, kondukanton! Estas do ekzistkondiĉo por Esperanto, ke ni vivasekuru nian «Centron», ĉu ĝi nun restos en Parizo, ĉu oni ĝin transmetos Ĝenevon, ĉu oni ĝin nomos estonte «C. O.» ĉu «U. E. A.», ĉu oni ambaŭ unuigos, ĉu ne, tion la mondkongresoj decidos — sed ĝis tiam ĝi fariĝu jam «Centro» subtenata de la tuta Esperantistaro. La jaro 1922a jam havigu al ĝi la regulan depagon de sia anaro. **La komenco jam estas farita.** La «Esperantista Tablogirlando Posonium» jam surpoŝtigis sian kotizon — ĝi fariĝu la semo, la ĝermo de ĉiujara potenca sumo, je bonsukceso de «C. O.» kaj per ĝi je bonsukceso de nia movado!

**Bratislava (Pressburg, Pozsony)**, en nov. 1921.

EMILIO WANITSEK, Girlandestro.
Bratislava, Rathaus, Slovakujo.

La izolulan, aŭ kolektitan jaran depagon oni sendu regule al S-ro Gabriel Chavet, sekretario de l'«Esperantista Centra Oficejo», rue de Clichy, Paris, Francujo.

# "Smart,, (1)

Mi tre bone konis la rentulon Verstrepen, eks-butikisto de koloniaj komercaĵoj, ĉar mi renkontis lin ĉiuvespere en la kafejo Terminus ĉe la babilotablo.

Tiu viro estis bona burĝo, fidela edzo, amema patro kaj fortika subtenanto de nia tablorondo. Unuvorte, li estis tiel kiel miloj da aliaj rentuloj en malgrandaj flandraj urboj. Nur unu detalaĵo diferencigis lin de la aliaj, nome, ke dum sia juneco li pasigis 2 aŭ 3 jarojn en Ameriko. La vivado en la lando trans la Oceano ne havis malbonan influon super li. La nuraj postsignoj de la mallonga restado en Ameriko estis kvar esprimoj anglaj-amerikaj, kiujn li ĉiam kaj ĉie uzis, kaj trouzis: «allright», «yes», «no», «smart». Precipe per ĉi tiu lasta esprimo li ĉiuokaze klopodis altrudi siajn amerikemajn opiniojn.

«La belga komercisto», li diris, «kapablas nenion, kontraŭe, la amerika estas «smart»! Tiu ĉi estas ruza, entreprenema, lerta, inteligenta, kaj per sia «smartness» li akiras riĉaĵojn, dum la belgo apenaŭ prosperas».

Mi ne scias, ĉu Verstrepen, kiel butikisto iam estis «smart» li mem. Tamen, mi bone scias, ke li estis riĉa, kaj ĉiam disputis kun siaj samtablanoj, kiam li laŭdis kaj prikantis la amerikanon, samtempe kritikante siajn samlandanojn.

* * *

De kelka tempo, juna viro, nomita Hamer, aperis regule en nia mezo. Li estis estinta vojaĝisto por Brusela margaren-fabrikejo kaj nuntempe li establis sin en sia gepatra urbeto.

Lia patro, instruisto, postlasis multe da libroj kaj multe da infanoj, sed tute neniom da mono. La mono mankis al Hamer por starigi propran negocon, kaj tial li kontentigis sin per agentaj aferoj.

Hamer asekuris kontraŭ ĉio: kontraŭ brulo, ŝtelo, malsano, terkulturaj malsukcesoj, korpaj akcidentoj, li eĉ asekuris la bonan veteron dum promenadoj kaj ekskursoj; mallonge, ĉion li asekuris.

Estas dubeble, ĉu li akiris riĉaĵojn, ĉar nia urbeto ne estis granda kaj multaj enloĝantoj, same kiel mi, havis ian malsimpation kontraŭ la ĉiama asekurado. Malgraŭ tio, Hamer laboris nelacigeble, de l'mateno ĝis la nokto. Unuavide ŝajnus, ke Hamer estus la preferato de Verstrepen, ĉar nenia «Yankee» povus esti pli «smart», pli viveca ol Hamer. Sed, tre strange, Verstrepen ne povis toleri la junan viron, li malĝoje rigardis, kiam Hamer proksimvenis al nia tablo. Verstrepen estis eĉ tre malĝentila por la juna asekuragento, tiele eĉ, ke ĉi tiu baldaŭ evitis nian klubeton.

Iam mi kondukis la interparoladon al pri Hamer, kaj Verstrepen demandis mian opinion pri li, ne dirante sian propran ideon. Mi deklaris,

(1) «Smart»: angla adjektivo, kiu signifas samtempe: vigla, lerta, eleganta, sprita. (Red.)

ke Hamer ŝajnas al mi bona viro kaj lerta komercisto, nur iom tro trudema. Verstrepen jesis per la kapo sed silentis.

* * *

Kelke da tempo poste, mi transloĝiĝis kaj alvenis en la strato, kie vivas la rentulo. Nun mi komprenis ĉion.

La rentulo posedis beletan filinon; kion mi diras? eĉ ĉarman filinon kaj Hamer sukcesis gajni la favoron de Elly. La patrino estis kuraĝiginta la svatantan asekuriston, ĉar ŝi estis kontenta — kiel ĉiuj patrinoj kiam ilia filino trovas adoranton.

Paĉjo Verstrepen tamen, kiam Hamer venis oficiale fari la demandon por la edziĝo, glacie ridetis kaj malakceptis la junulon ĉar li estas «nenio» kaj posedas «nenion».

* * *

Iam, babilante konfidencie sub la verando ĉe Verstrepen, dum trinkado de glaso da malnova Malagavino, la maljuna sinjoro malgaje plendis, ke tiu amaĵo estis daŭrigata «malantaŭ lia dorso», kaj kaŭzis al li multe da malĝojo.

«Sed, kial vi ne donas al li vian filinon», mi ekkriis, «li precize estas «smart» komercisto, kian vi tiom ŝatas. Krom tio, liaj gepatroj estis honorindaj burĝoj, kaj pri li mem oni tute ne povas fari malbonajn rimarkojn.»

«All right!» li respondis, «vi estas prava, sed ne tute, ĉar li ne estas «smart». Li nur estas laborema. Se li estus «smart», ekzemple se li sukcesus asekuri vin, «yes», tiam li gajnus mian Elly, kvankam li estas tiel malriĉa kiel formiko.»

Li laŭte ridis, kaj mi ridis ankaŭ, ĉar estus estinta pli facile atingi la lunon ol asekuri min.

Dum ni estis ridegantaj laŭte, mi aŭdis ian bruon malantaŭ ni, kaj tuj rigardante, mi videtis, ke Elly forlasis la apudan ĉambron. Ŝia vizaĝo, ruĝa kiel fajro, evidente montris klare, ke ŝi ĉion aŭskultis.

* * *

Mi tute forgesis tiun interparoladon, ĉiuokaze mi ne plu pensis pri ĝi, kiam iun matenon mi supreniris la iom krutan vojon al la supraĵo de la monteto en la ĉirkaŭaĵo de nia urbeto.

Mi jam estis en la duono de la vojo, kiam mi ekvidis biciklististon malsupren veturantan kun rapideco de ekspres-vagonaro. Mi iris flanken, kaj malbenis interne la malprudentan rajdanton, kiu riskas siajn membrojn pro nura farfaroneco. Kiam li pliproksimiĝis, mi rekonis Hamer.

Li veturis kun lerteco de profesia biciklististo, sed, ju pli li proksimiĝis, des pli riskoplenaj iĝis liaj movoj. Nun li tute zigzagis. Mi premis min plate kontraŭ la muro, por ke li povu pasi sen akcidento. Tion li ŝajnis rimarki, kaj denove li rekte rajdis. Tiu sintenado donis kuraĝon al mi por forlasi mian kaŝejon kaj iri sur la vojon.

Jen, apenaŭ du metrojn de mi, li portas la manon al la ĉapelo por sa luti, la antaŭa rado subite turnas sin, li tre rapide saltas teren, sed

tro malfrue: mi jam ricevis fortan puŝon kontraŭ mian ventron kaj, pro la skuo, kuŝas sur tero.

Pro teruro Hamer staris lamigite, vidante kiel mi rulis, kaj kiel mia kapo frapiĝis kontraŭ la muron, tiel forte, ke la fajro eksaltis el miaj okuloj.

Post kelkaj momentoj li superregis sian teruron, saltis al mi, kaj levis min de la tero. Mia kapo kvazaŭturniĝis kaj mi ne kapablis paroli unu vorton. Hamer apogis min kontraŭ la muron, ekbatetis la polvon de miaj vestoj. Li eĉ prenis broson el sia poŝo kaj li iom purigis kaj igis mian ĉapelon denove iom taŭga por la portado; fine, li elverŝis fluon da senkulpigoj.

«Mia bona sinjoro», li ekkriis, «mi esperas, ke vi ne vundiĝis? Ho kiel azensimila, kiel mallerta mi estas. Mi neniam pardonos al mi mem. Mi ne plu havos trankvilan momenton.

«Nu, mi diris, senkulpigante, mi kredas, ke estas tute ne grave. Nenio estas rompita.»

«Ne!» li ĝoje ekkriis, «mi estis tiom terurigita! Ĉu vere, ĉio estas ankoraŭ en bona stato?» Li levis mian dekstran kruron, kaj remetis ĝin sur la teron; poste li prenis mian maldekstran kruron; tiam li movigis ambaŭ miajn brakojn. «Nenio estas rompita», li certigis, «ĉio funkcias regule». Li levis mian ĉapelon kaj palpis mian kapon: «Malgranda kontusĝibo, vere, nur tre malgranda ĝibeto», li diris retrovante sian memkonfidon.

«Nu!» li daŭrigis, «mi gratulas vin, ke nenio grava okazis. Vi povis havi pli grandan malŝancon. Nu, ni ne plu maltrankviligu nin post la okazintaĵo. Eĉ, se vi estus estinta iom vundita, tio ne estus estinta tre grava por vi: tre trankvile vi estus preninta ripozon dum du semajnoj, kaj ĉio riĉe pagata de la asekura societo. Malŝancaĵo ankaŭ ne venas sen feliĉaĵo, ĉu ne? Ĉiuokaze, vi estas asekurita, kontraŭ la akcidentoj, ĉu jes?»

En mia kapo ankoraŭ resonis la eho de la skuo, kaj mi apenaŭ kapablis murmuri preskaŭ neaŭdeble: «me».

Hamer faris netrankvilan mienon. «Ne!? Vi estas ne asekurita! Sinjoro! Tio estas puninda nezorgeco! Ĉu vi ankaŭ ne kontraŭ la morto estas asekurita?»

Miaj genuoj tremis kaj fleksiĝis. Mi estis devigata sidiĝi sur la randon de la vojo.

«Ne! ankaŭ ne kontraŭ la morto!» li plue parolis. «Honorinda Sinjoro, vi pekas kontraŭ viaj parencoj. Eble vi kontraŭdiros, ke vi ne posedas edzinon, nek infanon! Sed vi havas fratojn aŭ fratinojn, nevojn aŭ nevinojn, kiuj deziras iam heredi. Mia konscienco malpermesas al mi, toleri, ke vi pli longe pekos kontraŭ viaj parencoj. Tuj ni tion prizorgos».

Li sidiĝis sin apud min, prenis el sia poŝo kvanton da paperaĵoj, skribis ion tie kaj ĉi tie per sia fontplumo kaj prezentis la formularojn al mi, ŝovis ilin preskaŭ sub mian nazon, por ke mi subskribu.

Pro mia kapturniĝo, mi ne ankoraŭ sciis, kion mi faris; mia volo forlasis min, mi ne plu kapablis pensi. Hamer rigardis min fikse, kvazaŭ

hipnotige, montris lokon sur la papero kaj ordonis: «Tie»... kaj mi subskribis.

«Bone!» li diris, eksaltis, enigis la paperojn en sian poŝon kaj kaptis sian bicikleton.

«Nun vi ne plu bezonos timi la bicikletojn. Nun vi estas asekurita kontraŭ eventuala invalideco pro akcidentoj por dudek-kvinmil frankoj. Laŭ deziro, vi ankaŭ povus morti tre agrable hejme: ĉar via vivo estas asekurita por kvindekmil frankoj. Mi ege dankas vin. Adiaŭ!»

Kaj antaŭ ol mi kapablis respondi, li forveturis, malsupren, al la urbeto.

* * *

Malrapide mi promenis ree al la urbo, kaj rakontis mian akcidenton al mia maljuna najbaro Verstrepen. Intertempe mi estis rimarkinta, ke Hamer per sia ruzeco trompis min: li intence renversis min kaj profitis mian kvazaŭnekonscian staton por havigi al si mian subskribon.

La ideo, ke mi estis trompita preskaŭ frenezigis min. «Vi estis prava, Verstrepen, «mi ekkriis, «tiu Hamer ne taŭgas; la malliberejo atendas lin. Li ĵus gajnis 200 frankojn pro mia asekuro; sed mi, mi estas ankoraŭ mirigita, ke mi ankoraŭ vivas? Sed tia fripono ne malkvietiĝas pro tio; li nur konas sian profiton.»

Mi atendis aprobon de Verstrepen, sed, tute male, li kontente frotis siajn manojn.

«Kia «smart» junulo!» li ekkriis. «Li ricevos mian filinon. Elly, venu tuj, mi petas.»

La filino aperis, sekvata de Hamer. Tio estis tiel ege «smart», ke la maljunulo unu momenton miris. Poste, li tamen benis la paron.

Ĉu vi kredas, ke Hamer nun kisis sian fianĉinon? Ho, ne! Tiu agema praktika enspezisto unue turnis sin al mi kun pardonpetoj. «Mi vere ne povis fari alie, Sinjoro! Nu, pruvu, ke vi ne estas venĝema kaj asekuru viajn akciojn kontraŭ ŝtelo!»

«Kuru al la diablo!» mi kriis, kaj kolere iris hejmen.

La «smart»-a juna viro rigardis min irantan, kaj feliĉe ridis. Nur tiam li ekpensis al sia fianĉino.

Tradukis M. DE KETELAERE.

# La Problemo de Instruado

Dum 1922 la Ligo de Nacioj priparolos la enkondukon de Esperanto en lernejojn. Se la respondo estas favora, tio, kion la Esperantistoj ĝenerale akceptas kiel la «fina venko» estos antingita. Se ĝi estus malfavora, certe posta kunveno donos favoran respondon.

Sed, kion ni, Esperantistoj, devas fari, atendante la decidon gravegan? Ni devas pretigi nin, tiamaniere, ke, se decido al ni favora aperos, ni povu tuj efektivigi ĝin, por la pligranda bono de nia idealo. Ankaŭ en tiu ĉi fako, kiel cetere en multaj aliaj de la movado, kunlaborado estas plej necesa: en ĉiu urbo ekzistas malmultaj Esperantoprofesoroj,

estas do necese ke ili kunlaboru almenaŭ en la tuta lando, kaj «Belga Esperantisto» estas la organo montrita por tiu celo. Ni ne forgesu, ke estas nur per instruado racia kaj logika, ke ni povas disvastigi nian ideon en la popolo, kaj ke do la instruado estas la bazo de nia tuta progreso.

Mi scias,ke en multaj urboj ekzistas pioniroj dankindaj kaj nesufiĉe dankeblaj,kiuj de jaroj privatiniciative instruas,sed mi ankaŭ firme esperas,ke dum estonto tre proksima,ilia fervoro ne plu estos sufiĉa por la postulo de la novaj cirkonstancoj, kaj ke ĉie, ili bezonos junajn gehelpantojn. Estas pri tiu antaŭvido, ke mi dezirus labori, ĉar mi timas, ke tiuj novaj geprofesoroj estos «batantaj kiel blindulo al ovo», kiel mi mem estis dum mia ekinstruo. Tial estas, ke mi humile petas por mi kaj miaj junaj geamikoj la konsilojn de sperto.

Kiam niaj unuaj samideanoj estis memlernintaj nian lingvon, aperis antaŭ ili la problemo de instruado. Ĉar ekzistis metodoj por instruo de lingvoj, la unua ideo evidente estis, uzi iun el tiuj metodoj por la instruado de Esperanto. Niaj antaŭuloj estis pravaj: la tuta historio de homa progresado estas plena je faktoj tiuspecaj. Ekzemple: kiam unuafoje prezentiĝis la problemo de konstruado de pontoj feraj, ni tre bone scias, ke la unuaj inĝenieroj kopiis la modelon de la tiam ekzistantaj lignaj pontoj. Aĝuloj inter ni certe tion memoras. Sed ni povas ankaŭ konstati, — kaj tiu fakto estas tre ĝojiga —. ke la nunaj feraj pontoj ne similas plu al siaj praulоj. Tiu fakto estas ĝojiga, mi diris; jes, evidente, ĉar fero ne estas ligno.

Nu, ĉar Esperanto ne estas nacia lingvo, la metodoj por instruo de ambaŭ ne povas esti samaj. Ni fieras pro la logikeco de nia komprenilo; ni estu logikaj pri ĝia disvastigo.

Kiu estas la diferenco inter la instruo de Esperanto kaj tiu de lingvoj naciaj? Mi esceptas la gepatran lingvon. Mi komparos kun la fremdaj instruataj post ĝi. Kiu estas la malfacilaĵo en ili? Estas la lernigo de la mallogikaĵoj kaj esceptoj. La reguloj de la gramatiko ne plenigas multajn paĝojn; la kunmetado de la vortoj ankaŭ ne. La metodoj celas do alprenigi de lernanto ĉiujn tiujn aĵojn sen iu vera rezonado kaj per ĉiuj artifikoj, kaj multe da longa kaj teda ekzercado. Ĉar Esperanto enhavas nek mallogikaĵojn nek esceptojn, la metodoj ĉi-supraj ne multe utilas por ĝi. Mi ne scias ĉu mi pravas, sed ofte mi estas ema kompari Esperanton kun kalkulado, kun matematiko; tiel certa oni estas pri la apliko de ĝiaj reguloj. Kiu scias, — kaj mi mem tion kredas kaj spertis —, ĉu metodoj pli rezonaj, pli «matematikaj» ne estas la solvo de la instruadoproblemo de Esperanto?

Gekamaradoj, ni estu severaj pri nia lingvo kaj ni estu severaj pri ĝia instruado. Ni ne forgesu, ke homo perdita por nia movado estas multe pli malbone, ol homo negajnita. Kaj mi opinias, ke metodoj tro malsimplaj kaj malagrablaj estas kaŭzo de lernantoperdo en niaj kursoj. Mi riproĉas al la plimulto de gramatikoj plenaj ilian malsimplecon kaj iujn senutilajn akrobataĵojn.Mi insistas pri lernometodo simpla kaj logika por afero simpla kaj logika, kaj al tio mi volus alveni kun la helpo de vi ĉiuj.

PROGRESANO.

# Diversaj informoj

PETO EL JAPANUJO. — Diversajn Mur - reklamaĵojn, komercajn, socialajn kaj aliajn, redaktitajn en ĉiu nacilingvo (ankaŭ en Esperanto) mi kolektas laŭ komisio de la komerca kaj industria fako de Urboficejo en Tokio, kies estro promesis rekompence sendi al ĉiu sendinto japanajn afiŝojn (speciale de la granda ekspozicio aranĝota en Tokio dum 1922). La tiel kolektotaj afiŝoj estos publike elmontrataj. Montru la ekziston kaj la praktikecon de Esperanto sendante afiŝojn al S-ro Kaŭaŝima, fakestro por komerco kaj industrio, Urba Oficejo, TOKIO, aŭ al mi mem, Monzo Ga, Del. U. E. A., 16-V, Kitamaĉi Aojama, TOKIO.

LERNEJAJ DESEGNAĴOJ. — Por la Eduka fako de la Provinca oficejo JAMANAŜI en Japanujo, mi petas al ĉiuj lernantoj kaj instruistoj de popolaj lernejoj, ke ili sendu al mi plej malfrue ĝis la fino de julio 1922, desegnaĵojn, pentraĵojn, laŭnaturajn, laŭmodelajn kaj dekoraciajn.

Ĉiu desegnaĵo surhavu la nomon, la klason, lernejon, lokon, landon, aĝon, sekson de la desegninta lernanto, ankaŭ la daton. Ĉiu sendonto ricevos de la suprecitita oficejo desegnaĵojn el la lernejoj de Japanujo. Ĉion sendu al MONZO GA, Del. U. E. A., 16-V Kitamaĉi, Aojama, TOKIO.

INTERNACIA SCIENCA ASOCIO. — La laboro de tiu grava restarigita Asocio bonege progresas. La nombro de aliĝintoj atingis 310 je la fino de 1921. La komitatanoj efektivaj aŭ provizoraj estas jam nun je la nombro de 23 el 19 landoj. Ankaŭ nia lando estas provizore reprezentata de nia bonega samideano S-ro Inĝ. Vandevelde, kies adreso estas: 230 Zwarte Heirestraat 230, Meirelbeke (Gento). Kiel ni jam diris en la lasta numero de nia jarkolekto 1921, tiu Asocio eldonis ampleksan flugfolion pri sia historio kaj sia nuna programo. Ni rekomendas multe peti tiun plej interesan dokumenton de S-ro Vandevelde, kiu ankaŭ akceptas la aliĝojn.

---

## Gratuloj

EDZIĜO. — La 21an de februaro edziĝis S-ro Alfred Gevers, sekretario de «La Verda Stelo», Antverpeno, kun F-ino Elisa Haubourdin. Plej sincerajn gratulojn al la juna esperantista paro!

---

## Nia Propaganda Bulteno. — Grava avizo!

Laŭ decido de la ĵus okazinta komitata kunveno de la Ligo, ni presigos apartajn presaĵojn de nia dulingva rubriko «Progresoj de Esperanto» (paĝ. 15 & 16). La prezo estas po Fr. 3.— por 50 ekz.; Fr. 5.— por 100 ek. Grupoj kaj propagandistoj grandkvante mendu kaj disvastigu ilin! Mendu antaŭ la 6a de marto ĉe la direktoro de B. E.

# Himno al Zamenhof

Malsupre ni presas tekston de himno al Zamenhof. La teksto estas verkita de 16-jara Rosine Bauer, melodion je ĝi faris 15-jara K. Seifert, ambaŭ edukatoj en la blindullernejo en Purkersdorf apud Vieno. La himno estis verkata 'kaj kantata okaze de la naskiĝotago de D-ro Zamenhof, kiun propra iniciate festis la junaj geesperantistoj de la menciita lernejo.

I.

Gefratoj, en pacema rond',
Laŭdkantu Majstron nian;
Ho vin, savinton de la mond',
La pacanĝelon pian.
Disigajn murojn rompis li,
Forigis la barilon,
Kreante por homaro, ĝi,
La interkomprenilon.

II.

Ideo sama ligas nin,
Kaj ankaŭ sama vojo,
Ho Zamenhof, vi montris ĝin.
Ni sekvas nun kun ĝojo.
Al vi ni ĵuras en fidel',
Kun amoarda koro:
Ni sekvos al la verda stel'.
Dum gajo kaj doloro.

III.

Ho gardu, kara Majstro, vi,
Gardu Esperantujon,
Spirit' de vi restu ĉe ni,
Benante la patrujon!
Eterne restos en ador'
Ni al pacbatalanto:
Al nia Majstro estu glor'
Kaj am' pro Esperanto!

---

# Pri popolaj ludoj kaj amuzoj

La amuzo estas tiel malnova kiel la homaro. La unua ludo certe datumas de la unua tago, kiun la unua homo travivis. Ni nur imagu 'kiel ni mem agus, tiam ni bone komprenas, ke Adamo, vidinte ke li kapablis movi, deprenis la piedojn de la tero kaj viveme saltis en la rondo, kaj ke li en la sekvanta momento prenis ŝtonon kaj ĵetis ĝin kiel eble plej malproksimen.

Do la saltado kaj la ŝtonĵetado verŝajne estas la unuaj homaj ludoj. La homo laŭnature estas ema movigi brakojn kaj krurojn, kion en la terminaro de la pedagogoj oni nomas «Naturgimnastiko». Estas ankaŭ pro tio ke la trankvila sidado sur la benkoj estas tiel terura por la knaboj.

Nun, koncernante la ludojn kaj amuzojn oni povas diri, ke ili estas pli malnovaj ol la popolamaso mem. Kiu el ni povas rememori sian unuan ludon? Eble se li estis tre «ĝentila» infano, lia unua ludo estis: fluigi sangon el la nazo de sia patrino aŭ faligante lian suĉbutelon tute dispecigi ĝin?

Jam ĉe la Germanoj el la malnova historio ekzistis tiel nomataj popolaj ludoj. La infanoj kaj ankaŭ la virinoj ekstaris en rondo. Tiam ili ekbruligis bastoneton kaj transdonis la brulantan aĵon al sia najbaro. Tiu, ĉe kiu la flamo estingiĝas, estas kondukata procesiforme al la maliberejo, 'kie li restas ĝis kiam iu lin liberigas. Tiun ludon ankaŭ konis la Romanoj kaj konservas pli malfrue la Bretonoj.

La Germanoj ankaŭ konis teatraĵojn Junuloj sin ĵetis sur malkovritajn glavojn kaj faris dancon inter tiuj danĝeraj armiloj. Ilia nura rekompenco estis la aplaŭdoj de la vidantaro kaj la patrinoj tre fieris pri tiaj lertaj filoj. Tiu kutimo longtempe konserviĝis precipe ĉe la Skotoj kaj Saksoj. Sed ankaŭ nuntempe dum la kermestempoj ni povas vidi tiajn scenojn precipe en la kamparo. Vi ĉiuj certe konas iun foirhomon, kiu englutas glavojn kaj ofte faras kvazaŭ dancojn inter danĝeraj armiloj.

Inter la plej ĝeneralaj kaj ŝatataj ludoj ni devas ankoraŭ citi la pilkludon, la vetkuradon kaj la grimpadon. Ankaŭ la naĝadon niaj prapatroj ege ŝatis kaj ofte praktikis. Eĉ la virinoj multe partoprenis en tiuj amuzoj. La fraŭlinoj rigardis tion kvazaŭ io tre gracia kaj tion pruvas multaj rakontetoj. Tiu kutimo feliĉe ne perdiĝis kaj nuntempe ankaŭ la virinoj naĝas kaj ofte ne malpli bone ol la viroj.

Antaŭ dudek 'kvin jaroj iu klerulo plendis ke la amuzoj de nia popolo estas tiel enuigaj kaj li serĉis kialon pro tio. Post longa esplorado kaj senlaca studado li atingis sekvantan rezultaton:

Li dividis la homojn en 5 klasoj. La unua klaso estis tro potenca por sin amuzi plejkore; la dua tro sagaca, tro klera. La tria klaso ne ŝatis sin distri ĉar ĝi sekvas la du aliajn, kiuj ankaŭ nenion faris en tiu direkto. La kvara klaso havis tro da penoj kaj la malfeliĉigaj okazoj por ke ĝi povu ĝoji. Nur la plej malsupra klaso sin amuzis sed tiamaniere ke honestaj homoj tute ne povis partopreni tiun amuzon.

Vere tio ne estas ĝojiga sceno, sed oni memoru ke eble la klerulo sin amuzis farante 'karikaturon. — Sed karikaturoj nenion pruvas, diris

alia klerulo. La afero estas tre simpla, ni ne havis la tempon por nin distri. Dum antaŭaj jarcentoj estis tute alia afero kaj ĉial niaj prapatroj estis pli gajaj ol ni. Tiam oni vivis pli trankvile kaj oni restis juna pli longtempe. Tiam oni ĝuis la vivon en plena trankvileco kaj tamen restis ankoraŭ la tempo por la ludo kaj la amuzo. Sed nun? Estas kiel ĉe la Amerikanoj: «Al nia tempo mankas kaj tiamaniere ni malhavas grandan parton de la poezio de la vivo». Estas eble pro tio ke nia vivo estas tiel proza.

Alia aldonis. Ni estas kvazaŭ knabeto, kiu sin movis libere kaj gaje en siaj malnovaj vestoj kaj kiu nun ricevis novan veston pro kio li devas sin re'kte teni kaj ne plu movi por ke li ne ĉifonigu sian belan veston.

Sed tamen kiom da amuzoj prezentas al ni la nuntempo! Veraj palacoj por popola amuzado ĉie aperas. Oni renversas la sezonojn: oni starigis vintrajn ĝardenojn kaj somerajn teatrojn! Oni ankaŭ renversas la tempdividon de la tago. Oni donis matenkoncertojn je la dua posttagmeze, vesperfestojn je la noktomezo, noktfestojn je la komenco de la mateno. Kaj vidu kiu granda nombro da amuzoj sin prezentas al moderna homo: «Kantadoj, muzikfestoj, agraraj kaj bestzorgadaj, festoj, foiroj, koncertoj, piroteknikaj elmontoj, popolaj paroladoj, popolaj reprezentadoj publikaj koncertoj.

Kiom da plezuro la homoj ne ĝuas depost la eltrovado de la transportiloj, kiujn oni nomas «vagonaroj». Precipe antaŭ la milito la tiel nomitaj «plezurvagonaroj» kaŭzis grandegan plezuron al la popolamaso. Milope ili envaganariĝis kaj kiam ili fine trovis la okazon rigardi iomete tra la fenestroj, jam venas la momento je kiu ili devas eliĝi en alia aerzono. La vagonaroj donis al la homaro la veran koncepton pri la amuzo, kiun ili antaŭe ne havis.

Kaj ni ĝuas ankoraŭ la vetkuradojn tiel piedajn kiel biciklajn. Kvankam la biciklo ne estas tiel nova eltrovaĵo, estas nur nun ke ĝi atingas grandan perfektecon kaj ke ni vidas verajn mirigajn okazintaĵojn per biciklo. — Restas ankoraŭ la vetkuradoj per velŝipoj kaj la lasta novaĵo, la veturadoj per akvobicikloj kaj finfine per flugmaŝinoj.

Ni estas ege malproksime de la simplaj kaj veraj familiaj ludoj de niaj prapatroj.

Oni diras ke la popolaj amuzoj iom post iom plinobliĝis. Kaj tio estas vera. Tamen en la kamparo ni de tempo al tempo povas ankoraŭ trovi ludojn, kiuj ne estas tiel noblaj kaj kiuj ankaŭ estas konataj dum antaŭaj tempoj. Iafoje ni eĉ povis vidi tiuspecajn ludojn dum la kermesoj en nia urbo.

Ni unue distingas la vetgrimpadon. En la komenco estis laŭ la ekzemplo de la knaboj, kiuj grimpas sur la arboj por forŝteli la birdnestojn, ke oni organizis grimpadojn. Evidente oni kiel eble plej malfaciligis la taskon de la grimpanto. Oni surŝmiras la maston per graso por ke ĝi estu kiel eble plej glata. Kelkafoje oni metis la maston en la akvon, por ke la falinta kunludanto ankoraŭ foje subakviĝu kaj tute malsekiĝu: La gajnanto povas forpreni de la supro de la masto iun ajn premion, ekzemple pecon da viando, kolbason, k. c.

Unu el la plej amuzaj popolaj ludaj estas certe la sakkurado. La kunkurantoj metas la krurojn en sakon kaj alligas la suprajn randojn ĉir-

kaŭ la korpmezo. En tiu stato ili komencas vetkuri. Sed kiajn saltojn ili faras! Kaj kiel ofte ili falas, je la pli granda plezuro de la vidantaro!

Ekzistas ankaŭ iu ludo precipe por knaboj, kiun oni povus nomi «la mordkaptado de vafloj». Inter du arboj ŝnuroj estas alligitaj. Ĉe la mezo de la ŝnuro pendas valflo. La kunkurantoj nun kurante pasas sub la ŝnuro meze de la daŭranta vidado de la patrinoj kaj najbarinoj. Alvenante sub la vaflo ili faras salteton koj penas formordi pecon de la vaflo aŭ engluti la tutan vaflon. Sed plejofte ili ne precize mezuris sian salton kaj nenion tenas inter la dentoj.

Ankaŭ la «ovofrapado» estas bone konata. Oni pendas ovon al ŝnureto,, inter du arboj, ekzemple. Oni blindigas la kunludantojn. Plie oni turnas ilin laŭ kelkaj direktoj por ke ili ne sciu la ĝustan direkton en kiu li trovos la ovon. La plimulto pro tio marŝas antaŭen kaj ne alvenas al la celo. Tamen kelkaj trovas la bonan direkton marŝas al la ovo kiel aŭtomato, frapas kaj... ofte ricevas la enhavon de la ovo sur la kapo aŭ sur siaj vestoj.

Restas ankoraŭ priparolindaj kaj eble ankaŭ priparolotaj, multaj aliaj karakterizaj kaj pli folkloraj amuzoj.

R. BROECKHOVE.

# Libera parolejo

Sub ĉi tiu titolo ni do malfermas jenan novan rubrikon, en kiu niaj legantoj povos klarigi siajn sugestojn, kun la celo plibonigi nian revuon kaj la organizitan movadon esperantistan en Belgujo.

Antaŭ ol uzi tiun rubrikon niaj geamikoj relegos utile la antaŭlastan paragrafon tiurilatan en la letero de nia prezidanto, sur la unua paĝo de nuna numero.

Ni profitas la okazon por (kun la celo signita par la L. P.) insiste peti ĉiujn abonantojn, ke ili **senprokraste** pagu sian abonon de 1922, ĉu al la kasisto de sia grupo, ĉu al la kasisto de nia Ligo.

Ni ankaŭ deziras ebligi ĉiujn samideanojn fari la gazeton tia, kia ili ĝin volas, t.e., ni proponas, ke en ĉiuj grupoj la membroj verku malgrandajn artikolojn, ankaŭ rakontojn, anekdotojn, spiritaĵojn, k. c., ĉu originale, ĉu traduke. En la grupkunvenoj oni alportu la materialon verkitan, oni ĝin diskutu laŭ gramatika kaj stila vidpunktoj, kaj la grupa sekretario sendu, laŭ elekto farota ekzemple de la komitato, la plej bonajn tekstojn al nia direktoro.

Ni ne dubas, ke ĉiuj grupestroj tuj komprenos, ke, krom la helpo kiun tia agado alportos al la revuo, nia propono prezentas plej grandan utilecon rilate la perfektiĝon de iliaj grupanoj en la uzado de nia internacia lingvo.

Ĉiu alportu sian ŝtonon al nia konstruaĵo. Tial ni esperas, ke neniu grupo preterlasos atenti la ĉi supran proponon. B. E.

# Bibliografio

«Belga Esperantisto» nur recenzas la verkojn de kiuj oni sendis du ekzemplerojn. Adreso: Kleine Beerstraat, 45, Antverpeno.

La legantoj povas ankaŭ mendi la recenzitajn librojn ĉe tiu sama adreso, kunsendante la monon per poŝtmarkoj aŭ prefere por poŝtĉeko (konto Frans Schoofs: No 284.20).

Oni aldonu 10 % por sendelspezoj.

LA VIE INTERNATIONALE. — Revue mensuelle des idées, des faits et des organismes internationaux. — Novembro 1921. No 1 postmilita (Kajero 26). Eldonita de «Union des Associations internationales, Palais mondial, Bruxelles.

LA QUESTION DU CALENDRIER, par Chauve - Bertrand; Paris, La Renaissance du Livre, 1921; prezo Fr. 4.—. La demando pri la plibonigo de la kalendaro estas vere nuntempa: La Internacia Astronomia Asocio eĉ preparas kunvenon de delegitaro, kiu okazos en Romo, post proksima Pasko,por pridiskuti tiun demandon. La supre citita libro klarigas la kalendarojn de ĉiuj antikvaj popoloj:kaldeanoj,Asiroj,Babilonanoj, Egiptoj, Persoj, Hebreoj, Hindoj, Ĥinoj, Grekoj kaj Romanoj. Li pristudas, krom tio, la kalendarojn de la Turkoj, Araboj, Inkaoj kaj Aztekoj. En dua parto, S-ro Chauve-Bertrand faras la historion de la demando pri la plibonigo de la kalendaro tiel kiel ĝi prezentiĝas hodiaŭ, kaj li citas la ĉefajn projektojn pri plibonigo. Fine, en tria parto, li faras ĝeneralan kritikon de tiuj sistemoj kaj eĉ proponas personajn sugestojn utilajn por la novaj eltrovontoj aŭ por tiuj, kiuj ian tagon devos solvi tiun demandon definitive. Libro tre leginda kaj rekomendinda.

LES INDO - EUROPEENS, préhistoire des langues, des moeurs et des croyances de l'Europe, par Albert Carnoy, professeur à l'Université de Louvain. Eldonisto Vromant & Co, 3, rue de la Chapelle, Bruxelles. 1921. Collection «Lovanium». Kosto Fr. 7.—. Jen tre interesa libro! Ĝi estas tute bazita sur la rezultatoj de la lingva scienco kiuj estas utilitaj por klarigi la diversajn temojn traktitajn en ĝi.Ĝi eĉ komencas per majstra klarigo de la «parenceco de la hindo-europanaj lingvoj», de la karakteraĵoj de l'Idiomo hindo-Eŭropa, kaj per klasigo de la «lingvoj kaj popoloj de la hinda-eŭropa familio». Post tiuj tri interesegaj ĉapitroj, la aŭtoro, en 21 ĉapitroj, trastudas la tutan pracivilizacion de Eŭropo (nome la kreskaĵojn, la bestojn, la vilaĝojn, la urbojn, la domojn, la ilojn, la nutraĵojn, la vestaĵojn, la armilojn, la komercon, la transportrimedojn, la familion, la leĝosciencon, la kredojn), ĉiam uzante la lingvosciencon kiel helpilon, kaj komparante la lingvajn radikojn el la diversaj lingvoj hindo-eŭropaj. Por ni, Esperantistoj, la libro estas majstra pruvo de la taŭgeco kaj internacieco de Esperanto! L. C.

TRA LA JARO. Esperanta Lernolibro, verkita de Lucy E. Waddy. 2a revizita eldono, 1921. Eldonis J. M. Dent & Sons, Ltd. London. — Fortike bindita. 120 paĝoj 18 1/2 × 12 cm. Prezo nemontrita

Tiu lernolibro estas uzebla en ĉiuj landoj.Ĝi speciale taŭgas por infanaj kursoj kaj prilaboras la tutan gramatikon en 50 lecionoj, kies teksto estas bazita sur la en preskaŭ ĉiuj lernejoj trovebla j kvar bildoj pri la Sezonoj. La libro enhavas multajn kaj metode prezentitajn ekzercojn, kaj ĝi lernigas al la junaj lernantoj grandan trezoron da vortoj. Ĉar mi mem jam uzis kun bona rezultato tiun gramatikon en porinfana kurso, mi povas ĝin plenkonscie rekomendi. Estus preferinde, tamen, ke en proksima eldono la lerta verkistino forigu kelkajn nuranglajn frazkonstruojn, kiuj enŝoviĝis en la libron.

OFICIALA GAZETO ESPERANTISTA; 8a Vol. N° 4 (81). 1921. Enhavo: **Lingva Komitato:** Raporto al la Dektria Kongreso de la Prezidanto de la Lingva Komitato kaj Akademio. **Konstanta Komitato de la Kongresoj:** Raporto al la Dektria Kongreso de la Prezidanto. 32 paĝoj 24 × 15 1/2. Prezo: Fr. 2.—.

ADRESARO de la Bohema Esperanto-Servo, enhavanta adresojn de korespondemaj Esperantistoj el ĉiuj landoj. 3-a eldono, Somero 1921. Eldonita de la Boh. Esp. Servo, Moranvany (Ĉeĥoslovakujo). 70 paĝoj 14 1/2 × 11 cm. Prezo: Fr. 2.25.

NOVA TEMPO - LIBRETARO. — Unua Kajero. Eldonis 1921: Eldonejo Nova Tempoo Wien, VI, Mollardgasse Nr 55. 32 paĝoj 18 1/2 × 12 cm. Prezo: Fr. sv. 0.30. Zorge eldonita kolekto de dudeko da legindaj rakontetoj, fabloj, anekdotoj, k. t. p. tradukitaj el diversaj lingvoj de kelkaj bonaj aŭstriaj Esperantistoj.

LA HUNDO PAROLANTA. — Duakta burleska komedieto de Daniel Eyquem. Eldonis 1921: Esperantista Presejo J. Solsona, 9, rue Hallé, Paris. 16 paĝoj 21 1/2 × 13. Prezo: Fr. 2.—.

Tre sprita teatraĵeto, kies ludloko estas Taraskono, la hejmloko de la fama «Tartarin»! Tiu detalo sufiĉe edifas la leganton pri la speco de tiu komedieto, tre lerte kunmetita. Ĝi enhavas 6 virajn kaj 3 virinajn rolojn, kaj estas tre taŭga por Esperantistaj Grupfestoj.

MIZERO KAJ SUFEREGO DE LA NURNBERGAJ INFANOJ, eldonita de la Urb-konsilantaro kaj prilaborita de la statistika Oficejo. 1920, 25 paĝoj 23 × 16 1/2 cm. Senpage havebla.

TRA LA MONDO. — Internacia legolibro, kolektita kaj prilaborita de Paul Benneman. 1-a parto: Por komencantoj. Kun multaj bildoj kaj muziknotoj. Eldonis 1921: Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig. 96 paĝoj 22 × 15 cm. Prezo. Fr. 2.—.

Multaj laŭdvortoj por tiu nova libro ne estas necesaj. Ĝi estas rekomendinda laŭ ĉiuj rilatoj.La enhavo konsistas el pli ol cent diversaj bone verkitaj artikoletoj, klasitaj en jenaj serioj : Proverboj el diversaj lingvoj; aforismoj; interesaĵoj el la vivo kaj sciencoj; fabloj kaj rakontoj; ŝercaĵoj; agrablaj problemoj kaj infanaj muzikludoj. La libro, kiu estas plej zorge presita sur bonkvalita papero, estas plie riĉe ilustrita per proksimume 40 beletaj bildoj. Ni gratulas la kunmetinton, la eldoninton, kaj ĉiujn kunlaborintojn: la verko estas vere montrinda.

SAMIDEANO. Internacia Biblioteko. N° 1. Majo 1921. Eldonis: Oskar Ziegler & Ko, Marktredwitz (Bavarujo). 20 paĝoj 23 × 15 1/2 cm.

Prezo Mk. 3.50 + 50 o/o. Enhavo: Ascendo al Vesuvjo antaŭ kvardek jaroj, de P. Christaller; Suprizo, de M. Walter, tradukis Cam. Fürth; La lasta Kanto, de A. Stamatiadis; Dum liberaj horoj, de Heinrich.

CATALOGUS van de boekerij van den Algemeenen Diamantbewerkersbond van België met BIJVOEGSEL A (1920/1921/1922). — Tiu riĉenhava katalogo speciale interesas la Esperantistajn diamantistojn, ĉar ĝi enhavas la titolaron de la Esperanto-fako de la libraro de tiu Ligo. B. E. jam parolis pri la iniciativo de tiu societo, kiu senĉese daŭrigas la akiron de bonaj eldonaĵoj en Esperanto.

ESPERANTO. Mluvnice, vybor ĉlanku a slovnik Esperantsko-Ĉesky. — 116 paĝa gramatiko pri Esperanto en ĉeha lingvo, kun vortareto Esp.-ĉeĥa.

COURS RATIONNEL ET COMPLET D'ESPERANTO kun antaŭparolo de Henry Barbusse, eldonita de la Revoluciana Federacio Esperantista, Paris. 208 paĝoj 19 1/2 × 13 cm. Prezo: Fr. 5.50.

Tiu gramatiko estas plej zorge kaj ĝisfunde ellaborita. Tiu, kiu volas detale elstudi tiun libron, perfekte konos Esperanton. La vera verkisto ne estas citita, li sin kaŝas sub la pseŭdonimo «laboristoj». Pro la giganta laboro li akceptu ĉi tie sinceran gratulon. Pro la kvalito de la eldonantoj oni komprenos, ke la ekzercoj kaj la temoj de tiu lernolibro, enhavas subjektojn kun pli speciala rilato al ĝeneralaj ekonomiaj kaj politikaj cirkonstancoj ekzistantaj kaj celataj.

INTERNACIA SPECIMENA FOIRO DE PRAHA (12 - 19 marto 1922.) — Invitilo eldonita de la Foira Oficejo, Praha. 10 paĝoj 21 × 14 cm. Senpaga. Bele ilustrita.

NACIA EKSPOZICIO MEMORIGA DE LA 1-a CENTJARO DE LA SENDEPENDECO DE BRAZILIO, RIO DE JANEIRO, 7 sept. - 15 nov. 1922. — Eldonita de la Ministerio de Justeco kaj Enlandaj Aferoj. 16 paĝoj 29 × 22 1/2 cm. Senpage ricevebla de la Oficiala Oficejo de Propagando de la Ekspozicio. La prospekto estas bele eldonita sur luksa papero kaj enhavas, krom multnombraj ilustraĵoj, ĉiujn informojn pri la organizata ekspozicio.

LEIPZIGA SPECIMENFOIRO 1922. — Eldonita de la Foira Oficejo, Markt 4, Leipzig. 16 paĝoj 22 × 14 1/2 cm. Senpaga. Bele ilustrita. Entute agrable prezentita prospekto.

PRINTEMPA FOIRO DE FRANKFURTO a. M. 2 - 8 aprilo 1922. — Eldonita de la Foira Oficejo. 4 paĝoj 21 × 16 1/2 cm. Senpaga.

COURS METHODIQUE D'ESPERANTO. VERSIONS. — Verkita de Camille Aymonnier kaj E. Grosjean - Maupin. Dua Eldono. Esperantista Centra Librejo. Paris. 136 paĝoj 17 1/2 × 11 cm. Prezo: Fr. 2.

Tiu ĉi bonega kaj ĉiukonsente laŭdita instruolibro, kies unua eldono jam elĉerpiĝis, konsistas el multaj ekzercoj por tradukado, klare klasigitajn kaj ordigitajn, tiamaniere, ke ĝi povas facile adaptiĝi, kiel metoda kompletiga ekzercaro, al ĉiu ajn esperanta lernolibro kaj kurso. La komencantoj uzos ĝin kun profito, forlasante provizore la numerojn rilatantajn al neelementaj gramatikaj punktoj, sed ĝi precipe utilos al la esperantistoj, kiuj deziras kompletigi kaj perfektigi sian konon pri

la lingvo. Efektive tiu ĉi libro liveras por la solvo de ĉiuj delikataj aŭ dubaj gramatikaj demandoj riĉan aron da pruvaj kaj decidigaj aŭtoritataj ekzemploj, eltiritaj precipe el Zamenhof. La verko, el kiu estas ĉerpita ĉiu Zamenhofa ekzemplo, estas precize montrita. Tiu, kiu posedas tiun libron, disponas multvaloran kaj senkomparan gramatikan repertuaron, klarigantan ĉiujn regulojn kaj punktojn de nia gramatiko kaj facile konsulteblan en okazoj de bezono. Tiamaniere tiu libro povas fari gravajn servojn precipe al la instruantoj, al la jam progresintaj Esperantistoj kaj al la verkantoj, kiuj deziras uzi nian lingvon korekte, klare kaj elegante. Klarigaj notoj ankoraŭ pliigas la valoron de la libro. A. D.

ESSAI SUR LA DERIVATION COMPAREE DANS LES LANGUES NATURELLES ET ARTIFICIELLES, par CAMILLE AYMONNIER. Publikaĵo No 9 de la «Soc. des Amis de l'Esperanto». Paris. Office Central Espérantiste. 1921. 132 paĝoj 19 1/2 × 13 cm. En tiu france verkita libro nia eminenta kaj klera samideano Aymonnier liveras al la mondo rezultaton de plej interesa lingvoscienca studado. Li plej detale analizas komparforme la derivadon de la vortoj en sia propra, la franca, lingvo kaj en Esperanto. La verko estas nova pruvo pri la rilata perfekteco de nia lingvo laŭ scienca vidpunkto, perfekteco, kiun oni ne devas superi, se oni deziras ne endanĝerigi la estonton de la komuna lingvo internacia **por ĉiuj homoj**. La libro kontraŭbatalas sukcesplene la teoriojn de tiel nomataj perfektigistoj de Esperanto. La libron akiru ĉiu studinto de Esperanto, kiu deziras koni ĉiujn detalojn pri la tekniko de la Zamenhofa ĉefverko.

L'ESPERANTO ET LES ASSOCIATIONS INTERNATIONALES AU CONGRES MONDIAL DE BRUXELLES. 1920. Publikaĵo No 8 de la «Soc. des Amis de l'Esp.». Office Central Esperantiste. Paris. 38 paĝoj 18 × 11 cm. Prezo: Fr. 2.—. Stenografa raporto pri la diskutoj pri Esperanto dum la memorindaj kunsidoj de la Unuiĝo de la Int. Asocioj, diskutoj, kiuj kondukis al brila venko de Esperanto.

L'ESPERANTO ET LA LUTTE DES LANGUES. L. Agourtine. — Publikaĵo No 10 de la «Soc. des Amis de l'Esp.» 8 paĝoj 21 × 13 1/2 cm. Prezo Fr. 0.50. Aparta eldono de bonega artikolo aperinta en La Revue Contemporaine de 21 nov. 1921. La aŭtoro precipe kunigas en sia pledo por Esperanto la opiniojn de granda nombro de eminentuloj kaj kompetentaj institucioj.

TRADUKOJ DE FRANCAJ POEZIO KUN TEORIO DE NOVA VERSFARADO. J. Balliman. Esperantista Centra Librejo. Paris. 24 paĝoj 22 × 13 1/2 cm. Prezo: Fr. 2.—. Kolekto de 15 bele tradukitaj poezioj de Ch. d'Orleans, Ronsard, J. du Bellay, Malherbe, M. Regnier, La Fontaine, Voltaire, A. Chenier, Arnault, Millevoie, Arvers, V. Hugo. — Per sia libreto la aŭtoro prezentas al la Esperantaj poetoj novan metodon de versfarado, kiu ĉefe celas kiel eble plej fidele reprodukti en Esperanto la principojn kaj karakteron de originale en Franca lingvo verkitaj poemoj.